# esperanto

januaro 1994
87-a jaro
n-ro 1055 (1)


Universala Esperanto-Asocio (en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

ISSN 0014 0635











## Esperantaj verkistoj en PEN Internacia

# Enhavo



# Vi trovos

nomkarton, invitilon, eĉ la flagon de nia "kongresujo" Koreio – forme de 6-paĝa, plurtema artikolaro (p. 4-9) pri tiu lando ja fora, ja altakosta por multaj el ni, sed nepre vizitinda UK-okaze. (Plejparton de tiuj tekstoj ni ŝuldas al la fulme helpema Choe Tae-sok.)

En sia novjara mesaĝo, prezidanto Wells mencias inter la pasintjaraj E-sukcesoj la rekonon de Internacia PEN-Klubo al Esperanto. Intervjuo (p. 2-3) klarigas la fonon de tiu – nur ŝajne subita – sukceso por niaj verkistoj. Du ampleksaj recenzoj, pri la poemaro *Ibere libere* kaj la epopea *Poemo de Utnoa* (p. 14-17), konfirmas ke la agnoskon de PEN ricevas juna, sed meritplene matura literaturo.

*La kovrilo*: Naŭ elstaraj aŭtoroj el la centoj kiuj verke kreis transnacian kulturkomunumon (de supre kaj de maldekstre): William Auld (1924), Kálmán Kalocsay (1891-1976), Marjorie Boulton (1924), Gaston Waringhien (1901-1991), Armand Su (1936-1990), Julio Baghy (1891-1967), Miyamoto Masao (1913-1989), Eŭgeno Miĥalski (1897-1937) kaj Karolo Piĉ (1920).


**esperanto**

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio
(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,00 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1840, 1/2 p. 1000, 1/4 p. 550, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Ekstera-kovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.
**Telefakso:** (010) 436 17 51.
**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

## Estraro de UEA

**Prezidanto** (kunordigado, reprezentado): prof. d-ro John C. Wells, 5 Poplar Road, London, Britio SW19 3JR; tel. (081) 542 0302; telefakso (081) 715 4010.

**Vicprezidanto** (landa kaj regiona agado): d-ro Ulrich Lins, Gemarkenstr. 150, DE-51069 Köln, Germanio; tel. (0221) 680 32 50.

**Ĝenerala Sekretario** (strategia planado): s-ro Ian Jackson, 29 Graham Road, Chiswick, London, Britio W4 5DR; tel. (081) 995 6244; telekso 8959991 coward g; telefakso (071) 726 8561.

**Estrarano** (informado, eksteraj rilatoj, CED): s-ro Mark T. Fettes, 695-B King Edward Avenue, Ottawa, Ontario, Kanado K1N 7N9; tel. (613) 565 9282; telefakso (613) 565 9279.

**Estrarano** (financo): s-ro Hans Bakker, Kastelenstr. 231-II, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando; tel. (020) 642 18 53.

**Estrarano** (azia agado): prof. d-ro So Gilsu, Yangchon PO Kesto 11, Seoul – 158-600, Korea Respubliko; tel. kaj telefakso (02) 646 5413.

**Estrarano** (kulturo, kongresoj): s-ino Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio; tel. (06) 39 72 61 98; telefakso (06) 39 72 61 69.

**Observanto** (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj [ILEI]): s-ro Stefan MacGill, Eső u. 7 III, HU-1034 Budapest, Hungario; telefon-mesaĝoj kaj telefaksoj per HEA, (1) 14 16 305.

**Observanto** (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo [TEJO]): s-ro Danny ten Haaf, Witte de Withlaan 11, NL-2341 SP Oegstgeest, Nederlando; tel. (071) 154143.

*Novjara mesaĝo de la Prezidanto de UEA:*

# Batali kontraŭ maljusto

Kiam ni staras sur la sojlo de nova jaro, konvenas paŭzi foje kaj fari bilancon pri la stato de la mondo kaj pri nia propra stato. Sur la sojlo de la jaro 1994, ni vidas mondan situacion, en kiu troviĝas – kiel kutime – elementoj pozitivaj kaj elementoj negativaj. Kiel ĉiam, la estonteco estas necerta.

En Sud-Afriko reprezentantoj de la du ĉefaj partioj, de la du ĉefaj rasoj, atingis interkonsenton, kiu antaŭ nur mallonga tempo ŝajnus utopiaĵo. Kvankam ne mankas malkonsentaj voĉoj, almenaŭ oni nun vidas tie la eblecon de paca solvo, kie antaŭe oni atendis nur sangan militon. Simile, post longa malpaco nun vidiĝas perspektivoj de paco en Kamboĝo kaj en Palestino. En la insuloj, kie mi mem loĝas, ni havas nun en Norda Irlando pli bonan perspektivon de paca solvo ol ekzistis de multaj jaroj. En ĉiuj tiuj lokoj provizore sukcesis paca traktado inter la konfliktantaj flankoj.

Ni ne forgesu laŭdi la finan sukceson de la sepjara interregistara traktado pri GATT (Ĝenerala Akordo pri Tarifoj kaj Komerco) – kvankam ankaŭ pri tiu atingo, kiu pozitive influos la mondan ekonomion, ne mankas malkonsentaj voĉoj. Forestas tie, ekzemple, interkonsento ĝis kiu grado la kulturo kaj ties produktoj estas varo.

Tamen, en pluraj mondopartoj ni vidas nur disfalon kaj seniluziiĝon. En Bosnio kaj Hercegovino la kruelo kaj la batalado daŭras: la bela idealo de ŝtato, en kiu diversaj etnoj povus kunvivi en harmonio, ŝajnas definitive perdita. En Angolo, en Kartvelio, en Somalio, en Sudano, ne venas fino al militado. Granda perturbo trafis Rusion kaj aliajn partojn de la eksa Sovetunio, kie la situacio ankoraŭ tute ne estas stabila. Oni ne povas ne havi gravajn timojn pro la tiea kresko de ekstremaj naciismoj, naskitaj el malespero, malordo kaj ekonomia mizero.

Kvankam la vivo ŝajnas dependi de hazardaj aferoj, ni ĉiuj havas la moralan devon pledi kaj kampanji por tio, kio estas bona kaj justa. Ni devas batali kontraŭ maljusto. Kiel individuoj, ni ŝajnas atingi malmulton. Ni tamen memoru, ke el niaj malgrandaj, ĉiutagaj decidoj povas flui ankaŭ grandaj rezultoj. Eventoj, ŝajne negravaj en si mem, povas ja havi grandajn kaj netakseblajn sekvojn. Tio validas same en nia persona vivo, kiel ankaŭ en publikaj aferoj.

Unu ekzemplo: en Litovio, antaŭ iom pli ol cent jaroj, Aleksandro Zilbernik donis al sia filino Klara doton okaze de ŝia edziniĝo al juna okulkuracisto. Tuj (fakte, eĉ antaŭ la geedziĝa ceremonio) la juna fianĉo foruzis grandan parton de la doto por eldoni proprakoste libron pri sia fantazia projekto de lingvo internacia. Imagu, se Ludoviko estus trovinta alian fianĉinon, kies patro ne povus aŭ ne volus doni doton; imagu, se Klara aŭ ŝia patro estus malpermesinta tiun neortodoksan uzon de la dotita sumo. Sen tiu doto, la Internacia Lingvo de Zamenhof eble neniam estus vidinta la taglumon. Vere, se tiuj eventoj estus iom aliaj, ankaŭ grava elemento en la kulturhistorio de la homaro estus alia, nia Asocio ne ekzistus, kaj vi ne legus ĉi tiujn vortojn. Estas agrable konstati, ke Esperanto nun ricevis alian "doton" de Aleksandro Zilbernik: lia renovigita domo en Kaunas la 11-an de decembro fariĝis Litova Esperanto-Centro.

Okazis io grava pri la Internacia Lingvo dum la jaro 1993 – pluraj ekstermovadaj instancoj okupiĝis pri la lingva problemo kaj implicite rekonis la rezultojn, kiujn la Esperanto-movado atingis tra la pasinta cento da jaroj: Umberto Eco per siaj dokto kaj intelekta kuraĝo sukcesis skui la letargian silenton pri la komuna lingvo; en la ejoj de Eŭropa Parlamento oni simpoziis pri planlingvoj; UNICEF establis konsultajn rilatojn kun UEA, Internacia PEN-Klubo rekonis Esperanton kiel beletran lingvon kaj akceptis la membrecon de Esperanto-sekcio, Unesko denove rezoluciis pri Esperanto.

Kvankam ofte povas ŝajni, ke nia laboro ne portas la esperatajn fruktojn, tio ne estas kialo por ĉesi labori. Ni ne povas scii, kiaj fine estos la rezultoj de nia strebado. Antaŭ kvin jaroj, kiu estus povinta imagi la nunan politikan situacion de la mondo? Kiu scias, kio estos post ankoraŭ kvin jaroj, post dek jaroj, post cent jaroj? Kiu scias, kia estos la lingva situacio en la mondo de la jaro 2094?

Ni laboru kaj esperu. Ni ĉerpu la inspiron el la ankoraŭ ĉiam plene aktuala mondvizio de Zamenhof: "Ni semas kaj semas, neniam laciĝas, / Pri l'tempoj estontaj pensante. / Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas, – / Ni semas kaj semas konstante. / 'Ho ĉesu!' mokante la homoj admonas, – / 'Ne ĉesu, ne ĉesu!' en kor' al ni sonas: / 'Obstine antaŭen! La nepoj vin benos, / Se vi pacience eltenos'."

Kun bondeziroj por la jarŝanĝaj festotagoj kaj por la nova jaro 1994, salutas via

**John C. Wells**

*Dankon pro ĉiuj bondeziroj ricevitaj dum la festotagoj jarfine, kiujn ni kore reciprokas.*

*Intervjuo kun Perla Martinelli kaj Giorgio Silfer:*

# PEN agnoskis transnacian kulturlingvon

*Kiel ni jam raportis (okt., p. 179), la tutmonda verkista asocio PEN aprobis la aliĝon de Esperanta PEN dum sia septembra kongreso en Santiago de Compostela. La delegito de E-PEN estis ties vicprezidanto, Giorgio Silfer (ĉi-dekstre alparolante la asembleon), dum Perla Martinelli restadis kiel ĵurnalisto en la galegia ĉefurbo (kiun ili preferas nomi Kampustelo).*



***Al kio vi atribuas precipe la sukceson? Persona lerteco, kreskanta prestiĝo de nia lingvo, pli fruaj pozitivaj kontaktoj . . .***

Al la noveco de la argumentado kaj de la koncernaj cirkonstancoj. Ni prezentis la aferon raŭmisme (konforme al la statuto mem de la Esperanta PEN, kiu eksplicite mencias la Manifeston de Raŭmo). La delegitoj havis antaŭjuĝon kontraŭ Esperanto, pro la insisto de iuj pli frue renkontitaj esperantistoj pri la rolo de nia idiomo kiel internacia helplingvo. Ni opinias ke tiu ĉi rolo estas redukta, kaj ke ĝi ne respondas al la uzo kiun ni faras el Esperanto: transnacia kulturlingvo. En Santiago la delegitoj ekkonsciis ke ekzistas diaspora minoritato, kies lingvon pluraj uzas literaturcele, kaj inter ĉi lastaj kelkaj agnoskas la principojn de la PEN-ĉarto kiel siajn. Kaj la delegitoj agnoskis al ni la rajton ekzisti.

***La akcepton de la Esperanta PEN-Centro la mondaj amas-informiloj sufiĉe vaste diskonigis, interpretante ĝin kiel rekonon de Esperanto kiel literatura lingvo. Kion vi planas por igi tiun rekonon pli ol formala?***

La lasta Asembleo de la Esperanta PEN (en Milano, oktobre 1993) aprobis la aktivan partoprenon de nia Centro en la diversaj komisionoj kaj komitatoj de PEN Internacia. La tutmonda verkistaro atendas ke la Esperantlingvaj kolegoj kapablu interveni inteligente, originale kaj franclingve/anglalingve pri la diversaj demandoj kiujn frontas PEN Internacia. La intervenoj de Giorgio pri specifaj temoj (kiel la lingvaj rajtoj,

## La Ĉarto de la Federacio de PEN Internacia asertas ke:

Literaturo, dum ĝi konas naciojn, ne konas landlimojn, kaj la literaturaj interŝanĝoj devas ĉiam resti sendependaj de la kondiĉoj de la politika vivo de la popoloj.

Ĉiuokaze, kaj precipe dum milita tempo, la respekto por artverkoj, trezoro komuna al la homaro, devas esti konservata super la politikaj kaj naciaj pasioj.

La membroj de la Federacio ĉiuokaze klopodos influi favore al la akordo kaj reciproka respekto de la popoloj; ili engaĝas sin fari ĉion eblan por senfortigi la malamon rasan, klasan kaj nacian kaj por disvastigi la idealon de homaro vivanta pace en unuigita mondo.

PEN defendas la principon de libera cirkulado de ideoj inter ĉiuj nacioj, kaj ĉiu membro havas la devon oponi al ĉia limigo de la esprimlibero en sia propra lando aŭ komunumo, samkiel en la tuta mondo laŭ ĉiuj ebloj. PEN favoras la eldonliberon kaj kontraŭas la arbitron de cenzuro en paca tempo. PEN atestas sian konvinkon ke la progreso de la mondo al pli bona politika kaj ekonomia organizo neprigas la liberan kritikon pri registaroj kaj institucioj. Kaj ĉar libero kuntrenas memvolajn limigojn, ĉiu membro engaĝas sin batali kontraŭ la eventualaj misuzoj de libera gazetaro, kiel la eldonaĵoj intence mensogaj, la falsado kaj misprezento de faktoj profite al personaj kaj politikaj celoj.

aŭ la situacio en eksa Jugoslavio) vekis aprobon. La intervjuoj de Perla vekis pozitivan intereson. La skrupula arkivado de Judit Felszeghy (nia sekretariino, kiu preparis la dosieron por la akcepto) vekis konsentemon: ne multaj kandidataj centroj tiel bone preparis siajn aliĝdokumentojn kiel la Esperanta. La kontaktoj de nia prezidanto István Nemere kun la internacia prezidanto, György Konrád, vekis estimon. Nin atendas peza tasko, sed la debuto estis bona.

*En kiuj kampoj la Esperanta PEN partopreños la agadon de PEN Internacia?*

Ĝis nun ni aliĝis nur al la Komitato pri tradukarto kaj lingvaj rajtoj. Dum baldaŭa kunsido en Majorko ni havos la unuan okazon testi la reputacion de nia Centro. Kiel ajn, ni intencas apliki la koranan saĝon: pli aŭskulti ol paroli, ĉar la homo havas orelojn du, sed buŝon nur unu.

*Krom prestiĝo, kiajn rektajn konsekvencojn povas havi tiu ĉi akcepto por la Esperantaj verkistoj kaj por la E-komunumo ĝenerale?*

Por la verkistoj, ĝi devus stimuli al profesiiĝo: esperantistoj jam konscias ke ne ĉiuj E-instruistoj havas profesian nivelon, kaj eble nun ekkonscios ke ne ĉiuj E-verkistoj havas profesian nivelon . . . Por la E-komunumo ĝenerale la agnosko de Santiago havas almenaŭ du signifojn: unue, neniu rajtas plu aserti ke nia lingvo ne havas literaturon aŭ kulturon (ĉar oni ofendus la plej altan literaturistan instancon en la mondo); due, neniu rajtas plu kalumnii la raŭmistojn kiel homojn kiuj ne okupiĝas pri la disvastigo de Esperanto. Nin ja ne konvinkas tia Esperanto kian disvastigas la finvenkistoj: la deviga solvo de la "monda lingvoproblemo". Sed la transnacia kulturlingvo kiu nin interesas ja estas disprezentata kaj renkontas la konsenton kaj estimon de la makrosocio.

*Ĉu vi ne pensas tamen ke tiu de PEN Internacia estas unika kazo? Ĉu eblus apliki la raŭmismajn principojn ankaŭ en aliaj kampoj?*

PEN Internacia ne estas unika kazo, kaj certe eblas informadi raŭmisme (pri tio, valorus aliĝi al la ĉiujaraj kursoj pri informado kaj publikaj rilatoj en La Kvinpetalo, interalie) en multaj kampoj. Mi citos nur unu ekzemplon. Laŭ la finvenkismo, la idealo por katolikaj esperantistoj estas ke la eklezio adoptu Esperanton apud aŭ eĉ anstataŭ la latina. Laŭ la raŭmismo, la katolikaj samideanoj devus labori ne tiucele, sed por ke la eklezio agnosku al IKUE la statuson de eksterteritoria diocezo, kun propra episkopo por ĉiuj katolikoj en la mondo. Laŭ tiu ĉi perspektivo, ili ne celus esperantigi la katolikan eklezion, sed konstrui ene de ĝi branĉon Esperantlingvan. Simile ni agis kun PEN Internacia: ni ne celas ke ĝi adoptu Esperanton kiel laborlingvon kun aŭ anstataŭ la franca kaj la angla; ni celas konstrui ene de ĝi Esperantlingvan branĉon.

*Kiajn strukturojn, administrantojn, rimedojn, organojn disponas la Esperanta PEN?*

Ni imitas la strukturon de la aliaj PEN-Centroj, konforme al la statuto kaj al la ĉarto de PEN Internacia. Ni havas direktantan Komitaton, sub la prezido de István Nemere, kaj ĝeneralan Asembleon, kiu estas la ĉefa instanco. Ni vivas ĝis nun el la individuaj kotizoj kaj donacoj, kaj el la financa apogo de LF-koop. Ĝuste tial ni havas en *Literatura Foiro* nian organon. Grava informkanalo estas ankaŭ *Heroldo*.

*Kiu povas peti aliĝon al la Esperanta PEN? Kaj kion faru la nepagipovaj, se estas deviga kotizo?*

PEN Internacia, laŭ sia ĉarto, ne estas neŭtrala organizo: tial ĝi forpelis, ekzemple, la naziajn verkistojn en 1933, kaj delonge ĝi aktive defendas la gekolegojn persekutatajn pro "pensokrimoj" (precipe en Azio, kie Turkio, Vjetnamio kaj Popola Ĉinio havas sombrajn rekordojn). La Esperanta PEN aliĝas al tiuj principoj, kaj la membroj subskribas ilian akcepton. Plie, necesas pruvi ke verkado, tradukado aŭ eldonado estas la ĉefa okupo, sur profesia kaj ne sur hobia nivelo. Tian profesiecon povas atesti ankaŭ jama membreco en alia PEN-Centro. Malriĉajn gekolegojn ni volonte helpas per la donacoj de pli riĉaj; sed kontraŭas la fierecon de aŭtoro ricevi tian donac(et)on: ja la kotizo estas modera.

*Ĉe anoj de kiuj nacilingvoj vi trovis en Santiago plej multe da kompreno, da apogo por la Esperanta PEN?*

Oficiale apogis nian kandidatiĝon la delegitoj skota, svisitala kaj finna. Promesis subtenon ankaŭ la galega kaj la itala, sed ili hazarde ne ĉeestis kiam la asembleo voĉdonis. Sed ĝenerale ĉiuj favoris nian Centron: dum la angla delegito voĉdonis kontraŭ (la rezulto estis 29 por, 13 sindetene, 4 kontraŭ), la nova internacia prezidanto, anglo, montris al ni grandan simpation. Same pri Japanio: la delegito voĉdonis kontraŭ, sed alia kongresanto, organizonta simpozion pri tutmonda poezio, jam invitis nin fervore. Temis finfine pri personaj, preskaŭ nesondeblaj motivadoj: ne estas justa la supozo ke anoj de kelkaj etnolingvoj estas principe favoraj aŭ malfavoraj al nia lingvo.

*Al kiuj aliaj PEN-centroj la Esperanta PEN sentas sin spirite plej prok-sima?*

Galega ĵurnalisto listigis la esperantistojn apud la ciganoj kaj la bosnianoj, kiel "popoloj serĉantaj la propran voĉon". Nu, efektive ni vidas en nia lingvo la rimedon por la propra identeco, pli ol la rimedon por komunikado. Do ni sentas nin pli proksimaj al la malgrandaj popoloj, serĉantaj la agnoskon pri sia identeco laŭ la devizo: "Ne mia nacio estas mia lingvo, sed mia lingvo estas mia nacio". ★

## El la statuto de la Esperanta PEN-Centro

"... Art. 2 (Celoj) – La Centro intencas:

a) plenumi la celojn de PEN Internacia, laŭ ties Ĉarto, kongrue al ties principoj kaj ties reguloj;

b) stimuli la kontakton inter la profesiaj verkistoj en esperanto kaj akceli la profesiiĝon de la amatoraj;

c) ilustri kaj defendi la valorojn kaj la originalecon de la esperanto-literaturo inter la ceteraj etnolingvaj literaturoj;

d) firmigi ĉe siaj membroj la konscion pri aparteno al unika komunumo, kvazaŭ al memelektita diaspora lingva minoritato (Manifesto de Raŭmo), kaj konsekvence uzi Esperanton ne kiel internacian helplingvon sed kiel transnacian ĉeflingvon."

## La verkistara UN

Gvida voĉo de la literatura mondo, la Internacia PEN-Klubo kunigas Poetojn, Eseistojn, Novelistojn, romanistojn, kritikistojn, tradukistojn, redaktorojn. Ĝiaj membroj formas komunan rondon por subteno al verkarto kaj defendo de esprimlibero. PEN Internacia aktivas kiel nepartieca, neregistara organizo sur ĉiuj kontinentoj tra siaj 116 Centroj en naŭdeko da ŝtatoj. Inter ili estas nun ankaŭ la Esperanta!

Fondita en Londono en 1921, PEN estas forumo kie verkistoj renkontiĝas amike por diskuti pri sia laboro. Ĝi estas ankaŭ voĉo parolanta en la nomo de la artistoj silentigitaj en la propraj landoj.

Inter la unuaj membroj troviĝis Catharine Amy Dawson Scott, Joseph Conrad, D.H. Lawrence, George Bernard Shaw; la unua prezidanto estis John Galsworthy. Interalie prezidis PEN Internacian Herbert George Wells, Alberto Moravia, Arthur Miller, Pierre Emmanuel, Heinrich Böll, V.S. Pritchett, Mario Vargas Llosa, Per Wästberg, Francis King kaj laste, ĝis la novaj elektoj dum la 60-a mondkongreso en Santiago de Compostela, la hungara György Konrád.

La nuna prezidanto estas Ronald Harwood, kvindeknaŭjara brita dramisto naskiĝinta en Sud-Afriko kaj vivanta ekde 1951 en Anglio. Li verkas precipe por teatro (dek tri dramoj jam aperis, la lasta, *Poison Pen*, estas ĉi-jara), sed aŭtoris ankaŭ diversajn romanojn, biografiojn, eseojn kaj televidajn spektaklojn.

Kvankam fidela al sia origina celaro, kies plej grava atesto estas la Ĉarto, PEN Internacia evoluis tra la jardekoj, kiel percepteble per komparo inter la sekvaj vidpunktoj:

*Samkiel individuoj iĝas familioj, kaj familioj iĝas komunumoj, kaj komunumoj iĝas nacioj, tiel finfine devas nacioj kunvivi en paco. En tiu ĉi kredo mi fondis PEN en oktobro 1921* ... asertis Catharine Amy Dawson Scott.

*Estas bona sento scii ke la sepdekjara PEN Internacia plenumis la taskon por kiu ĝi estis kreita: ĝi disvolvas kaj gardas la etoson de mondliteraturo kaj defendas la kolegojn en stato de bezono*, deklaris György Konrád.

Ankaŭ la referenca aparteno de la diversaj Centroj evoluis tra la jardekoj. Bazite sur ŝtataj limoj, jam en aprilo 1922 ĝi transiris al etnaj limoj, per la fondo de la Kataluna PEN; kaj en la 30-aj jaroj la organizo ekinkluzivis diasporojn, per la agnosko pri la Jida PEN en Vilno. La Esperanta povas situi inter ĉi lastaj, kune kun la armena, la kurda, la roŭma* ... En la nuna PEN ekzistas ankaŭ diversaj Centroj de verkistoj en ekzilo, sen unueca lingva referenco.

La plej fortaj Centroj (interalie pro la financa subteno) estas la du usonaj, el kiuj fontas kvarono de la kotizoj kaj donacoj. Sekvas la japana (dekono), la angla, la germanaj, la kanadaj, la sveda. Du trionoj de la Centroj kontribuas per tre modestaj sumoj: inter ili certe situos la Esperanta, kiu almenaŭ estos regula kotizanto. Ja ankaŭ en la mondliteraturo ekzistas amaso da malriĉaj fratoj ...

Ene de PEN Internacia funkcias diversaj komitatoj. Tiu por verkistoj en prizono laboras kvazaŭ intelekta branĉo de Amnestio Internacia: estas rimarkinde ke inter la tri ĉefaj "klientoj" de multaj jaroj restas ĉiam Turkio kaj Vjetnamio, dum Sovetunio (post perestrojko) cedis la neenviindan stafeton al Popola Ĉinio ... Tre aktivaj estas ankaŭ la Virina Komitato kaj la Komitato por Paco. Malpli grava la rolo de la Komitato por tradukarto kaj lingvaj rajtoj.

En PEN Internacia la okcidenta, kaj specife anglosaksa, elemento estas forte karakteriza. Ĝi certagrade spegulas la situacion de UN kaj Unesko, sed kun pli rimarkebla eŭropa centrismo.

**Giorgio Silfer (Eŭropo)**

*El* Literatura Foiro *n-ro 145, oktobro 1993, kun la afabla permeso de la aŭtoro kaj de la eldonejo (LF-Koop,CP 232, CH-6830 Chiasso 1, Svislando).*

*En la sama numero de* LF *troviĝas detaloj pri la diskuto koncerne la akcepton de E-PEN kaj artikoloj pri diversaj facetoj de la PEN-Kongreso.*

* = romaa, cigana

## *SPECIALA SEKCIO:*

## Kvarmil jaroj da kulturo

Koreio tenas homogenan kulturon de pli ol kvarmilo da jaroj. Ĝia historio datiĝas de 2333 a.K., kiam la dinastion Kochoson fondis la mita figuro Tangun. La libro pri antikvaj mitoj kaj legendoj, "La rakontoj de la tri dinastioj" (*Samgukyusa*), diras ke Tangun naskiĝis de dia filo kaj de urso transformiĝinta en virinon. Tiu ĉi mito forte influas la korean popolon, provizante ĝin per forta nacia identeco.

Sekve al Kochoson formiĝis tri fortaj dinastioj (57 a.K.-668 p.K.) – Koguryo, Paekche kaj Shilla, kiuj okupis la tutan korean duoninsulon kaj eĉ la plejparton de Manĉurio. Shilla fine konkeris siajn du rivalojn en 668 kaj unuigis la duoninsulon por la unua fojo. Dum la periodo Shilla (668-935) la unuigita lando travivis kulturan oran epokon, precipe en budhisma arto. Tamen en la 10-a jarcento ĝi defalis kaj subiĝis al la dinastio Koryo (918-1392).

Dum la epoko Koryo budhismo estis reganta kaj ofte oficiala religio. Ĝi grande influis politikon kaj ŝtatadministradon. En Koryo establiĝis aristokrata reĝimo. Interese estas noti ke la nomo Koreio, Korea ktp devenas de "Koryo". La renomaĵoj de tiu ĉi periodo estas la ceramikaĵoj Koryo kun verdblua glazuro, la eldono de Tripitako – unu el la plej kompletaj kolektoj de la budhismaj skriboj – kaj metala presliter-muldilo uzita 200 jarojn antaŭ Gutenbergo.

En 1392 per puĉo naskiĝis la lasta korea dinastio, Choson (1392-1910). Ĝi enkondukis la socian sistemon kaj moralajn valorojn de konfuceismo, kiu ankoraŭ influas la vivon de nuntempaj koreoj en la interhomaj rilatoj kaj socia strukturo. Ankaŭ Choson riĉis je gravaj kulturaj kaj sciencaj atingoj. Aparte menciindas la invento de la fonetika korea alfabeto, *Hangul*, en 1443.

La dinastio finiĝis en 1910 pro perforta aneksado fare de Japanio, kiu koloniis la landon por 36 jaroj.

En tiu plumba tempo multaj koreoj aktivadis en- kaj eksterlande por savi la nacion. Je la 15-a de aŭgusto 1945 la lando sendependiĝis, sed dividiĝis en demokratan Sudan Koreion kaj komunistan Nordan Koreion.

Post la interfrata milito (1950-53) la Korea Respubliko tutforte klopodis sin modernigi kaj evoluigi por prospero kaj stabilo. Ĝi atingis rimarkindan ekonomian kreskon kaj fariĝis modelo por multaj neevoluintaj landoj. En 1993 naskiĝis la nova registaro de prezidento Kim Young-sam. Ĝi nun koncentriĝas al la kreado de "Nova Koreio" kaj la reunuigado de la korea duoninsulo.

Choe Tae-sok (Koreio)

*Tradicia oferdona ritualo*

# La miraklo de la rivero Han

La Korea Respubliko havas demokratan formon de registaro, bazitan sur divido de la potencoj kaj sur sistemo de kontroloj kaj ekvilibroj. La konstitucio, kiu garantias la bazajn rajtojn kaj liberecon de la popolo, estis adoptita en 1948 kaj ĝis nun naŭfoje reviziita, ĉar la lando baraktis por efektivigi demokratajn laborojn.

En 1992 Kim Young-sam elektiĝis kiel la sepa prezidento de Koreio, kaj lastfebruare ekis nova civila registaro, kiun regajnis la popolo post 32 longaj jaroj. La nova registaro akiris la favoron de la popolo per siaj unuaj kuraĝaj reformoj pri altrangulaj koruptoj kaj pri ekonomio.

Okaze de la Seulaj Olimpikoj en 1988, Koreio ekhavis amikajn diplomatiajn rilatojn kun orient-eŭropaj landoj, kaj poste kun Ĉinio. La germana unuigo stimulas tiun de la korea duoninsulo. Nuntempe Norda kaj Suda Koreioj akcelas interkompreniĝon per hominterŝanĝo en sportoj kaj artoj.

En 1991 ambaŭ Koreioj aliĝis al Unuiĝintaj Nacioj samtempe, kaj ili povas kune fari pli aktivajn diplomatiajn laborojn. Antaŭvideblas ke al la korea popolo alportos pacon kaj fine unuigon daŭra plibonigo de la interkoreia rilato.

Rezulte de la milito, la lando komplete detruiĝis, des pli ĉar mankis naturprovizoj, kapitalo, spertoj, merkata ĉiokono ktp. Malgraŭ tiaj malfeliĉoj, la koreoj diligente laboris cele al "ekonomia evoluo". Sub forta direktado de la registaro ili atingis okulfrapan ekonomian kreskon en la 60-aj kaj 70-aj jaroj, kion oni admiris kiel "la miraklon de la rivero Han". La ekonomio daŭre kreskis en la sekvaj dek jaroj. Ĉefaj produktoj estas televidiloj, komputiloj, aŭtomobiloj, ŝipoj, feraĵoj, teksaĵoj.

De kiam Koreio lanĉis sian kvinjaran ekonomi-evoluigan planon en 1962, la landa MNP (malneta nacia produkto) pligrandiĝis averaĝe po 8% jare. Do la korea MNP kreskis de 2,3 miliardoj da usonaj dolaroj en 1962 al 280,8 miliardoj en 1991, kaj la porkapa MNP de 87 dolaroj en 1962 al ĉ. 6498 dolaroj en 1991.

Nuntempe la korea ekonomio alfrontas novajn defiojn: interne ĝi devas trakti la neeviteblajn laboristajn postulojn kiuj venas kun la procezo de la politika demokratiĝo, kaj ekstere elturni sin el iom post iom plikomplikiĝanta internacia komercmedio. Por venki la problemojn, la nuna registaro klopodas formuli diversajn renovigajn ekonomirimedojn, kiuj helpos al struktura alĝustigo, teknika evoluo, preza stabiligo, kaj solvo de la ekonomiaj malekvilibro kaj malegaleco.

**chts**

# Muziko degeligas malĝojon

La korean muzikon oni ĝenerale dividas en du specojn: la popola kaj la kortega muziko.

Ĉe la naskiĝo de la **popola** muziko ni trovas la viglan ritmon kaj ekstreme lirikan melodion nature kreskintajn el la mult-kolore plektiĝinta vivo de la popolo.

La ĝenron *sanĝo* oni ludas nur per instrumentoj: la kordaj *gajageŭm* kaj *geomun-go*, krome la bambua fluto *danso*. Metalajn batmuzikilojn, similajn al tamtamo aŭ cimbalo, kaj *ĝang-gu* (specon de longa tamburo) oni uzas en la kamparana muziko, kiu vigligas kaj gajigas homojn tiel senlime ke ĉiuj aŭdante ĝin emas ekdanci. Tiel ĝi malpezigas la laborpenon, degeligas la malĝojon kaj kondukas al la zenito de plezuro.

La popolkanto aliflanke evoluis al kanto-dramo, simila al eŭropa oratorio, kiun oni nomas *ĉang geŭk*. Ĝi konsistas el solo, dueto kaj ĥoro de geviroj, prezentantaj nur dialogon sen ia ajn drama ago, sen scenaĵo kaj sen kostumo. La akompanaj instrumentoj estas ĉefe *ĝang-gu* kaj *itan*, bat-muzikiloj el ledo.

La **kortega** muziko iom similas al la religie forte influita mezepoka muziko okcidenta. Ĝi devenis de la antikva Chu-dinastio de Ĉinujo, kaj estis ludita nur por ceremonioj de la kortego. Konsiderante la netaŭgecon de tiu ĉina muziko, la granda reĝo Seĝong (ankaŭ lanĉinto de la korea skribsistemo) reformis ĝin en la 15-a jarcento, kreante muziknotojn. Poste oni eĉ kompilis unikan "Fundamentan Krestomation" de muziko, teorian libron de la kortega muziko daŭranta ĝis nun.

La altgrada evoluo kaj multeco de la instrumentoj estis nekompareble pli granda ol en la mezepoka Eŭropo: 17 specoj de tubaj muzikiloj, 14 de silk- kaj ferkordaj instrumentoj (el kiuj kelkaj similaj al la eŭropa liro), kaj, fine, 33 specoj de batmuzikiloj el ligno, fero, ŝtono kaj ledo, kun diversaj formoj kaj tonoj. Laŭ la prezentota muzikaĵo, diferencas la konsisto de la instrumentaro; por grandega koncerto necesas pli ol cent personoj.

En la nuntempa korea muziko, krom la supre priskribitaj, ekzistas moderna internacia muzik-arto, funkcias pli ol dek kolegioj de muziko kaj kelkaj simfoniaj orkestroj.

**laŭ artikolo de Kim Hwang-kyo (tr. Hajpin Li), el** ***La Espero el Koreio***



# La mistero de la korea nomo

Se vi ĵetas ŝtonon en iu ajn homplena strato en Seulo, ĝi probable trafos Kim aŭ Lee. Tiu ĉi estas unu el la plej ofte aŭdataj ŝercoj pri Koreio.

Proks. duono de la tuta loĝantaro de Koreio havas unu el la kvar plej komunaj famili-nomoj, t.e. Kim, Lee, Pak, Chong. Ĉiu el ili havas kelkajn branĉojn kun aparta genealogio. Ĉiu branĉo havas sian originan prapatron, kiu estas adorata de la sinsekvaj generacioj. Ordinare troviĝas memora halo aŭ tomboŝtono dediĉita al la naskiĝloko de la nomo.

Koreoj tre grave taksas ankaŭ la personan nomon. Kiam naskiĝas bebo, kunvenas la maljunuloj de la familio por decidi ĝian nomon. La nomo de la bebo, antaŭ ĉio, devas havi bonan signifon; krome, soni harmonie kaj esti facile prononcebla.

Persona nomo de koreo ordinare konsistas el du ĉinaj literoj, unu el kiuj estas komuna por ĉiuj membroj de la sama generacio en la koncerna familio. Ekzemple, se la nomo de iu knabo estas Hong Gil-dong (en Koreio la familia nomo venas la unua), liaj fratoj aŭ kuzoj havas aŭ Gil aŭ Dong en sia nomo. Tiu ĉi kutimo tamen estas ne plu observata tiel strikte, kaj ĉe knabinoj ĝi ankaŭ ne estis. La virinaj nomoj precipe estu ĉarmaj, kun signifoj kiel "bela floro", "ĝentila inteligento" aŭ "modesta infano".

Hodiaŭ rimarkindas tendenco nomi la infanojn ne per ĉindevenaj vortoj, sed per koreaj, kaj skribi la nomojn ne per ĉinaj literoj, sed per Hangulo.

Multaj patroj kaj avoj konsultas t.n. "nom-filozofojn", kiuj ordinare rolas ankaŭ kiel sorto-divenistoj. Ankaŭ tiuj kiuj ne kontentas je sia

# Esperanto en Koreio

Koreoj ekkonis kaj lernis Esperanton jam de la dekaj jaroj de tiu ĉi jarcento, precipe studentoj en Japanio kaj Ĉinio. Ili poste disvastigis ĝin en sia patrio. Kiel konate, la plej frua esperantisto estis Hong Myungheui (1888-1986), verkisto kaj poste vicĉefministro de Norda Koreio.

En 1920 Verda E. Kim gvidis la unuan publikan lingvokurson en Koreio, post kiu li kaj la finintoj fondis Korean E-istan Asocion. De la sama jaro iom ŝanĝiĝis la politika sinteno de la japana kolonia registaro. Ĝi proklamis transiron de militista subpremo al kultura politiko kaj permesis aperigon de koreaj ĵurnaloj kaj diversaj gazetoj.

Ĉe ili esperantistoj okupis gravajn postenojn, aperigadis E-literaturaĵojn, publikigis multajn artikolojn pri la graveco kaj ideo de Esperanto kaj prezentis E-librojn eksterlandajn. Al tio multe kontribuis du grandaj prestiĝaj ĵurnaloj, *Dong-a Ilbo* kaj *Choson Ilbo*: en 1924 la unua aranĝis 47-foje Esperantan rubrikon (en kiu partoprenis Inocento Seriŝev, Vasilij Eroŝenko, Oojama Tokio, Ossaka Kenĵi ktp.), kaj la dua havis samjare dum 115 tagoj rubrikon por la lingva kurso de Verda E. Kim.

La literatura agado vivis oran periodon ĝis fine de la 30-aj jaroj, kiam la japana registaro komencis furioze subpremi la lingvon, kulturon kaj historion de Koreio. Desplie, ĝi devigis koreojn ŝanĝi sian nomon al japaneca. Enkarceriĝis pluraj e-istoj kaj persekutiĝis la E-movado.

En 1945 post la nacia liberiĝo salte vigliĝis la movado, kiun antaŭenigis eminentaj naci-savaj e-istoj eksterlande agintaj. Samjare fondiĝis Korea E-Instituto (KEI), inter kies membroj troviĝis sociaj kaj politikaj gravuloj. Tio perspektivigis brilan sukceson de la movado. Sed ĝin disrompis la korea milito.

Dum kaj post la milito la urbo Taegu estis la centro de la E-movado. En 1952 ties universitato Chunggu oficiale enkondukis Esperanton, kun la gvido de Hong Hengwi. Tre aktivis la movado inter universitatanoj kaj anoj de superaj mezlernejoj. En 1957 estis reorganizita KEI, kies organo *Korea Revuo* aperigis multajn koreajn literaturaĵojn. En 1958 fondiĝis Korea Esperanta Junulara Asocio.

Je la mezo de la 60-aj jaroj la movado centriĝis en Seulo. Tie naskiĝis la nova organizo Korea E-Societo, kiu rapide disvastigis Esperanton tra la lando. En 1966 ankaŭ la sidejo de KEI translokiĝis al Seulo. Por solvi la konfliktojn devenantajn el tiu organiza dueco, multaj klopodis unuigi la du organizojn. Kiel la frukto de tiu penado, naskiĝis Korea Esperanto-Asocio (KEA) en 1975.

De tiam KEA pilotas la movadon kaj daŭrigas sian viglecon. De 1976 aperas *La Espero el Koreio*, tre konata revuo pri Koreio kaj Esperanto. Pasintjare oni festis la 25-an Jubilean Korean E-Kongreson. De 1981 Korea E-Junularo ĉiujare organizas kun japanaj junaj e-istoj Komunan E-Seminarion, kiu multege kontribuas al la interkompreniĝo de junuloj el ambaŭ landoj kaj la vigliĝo de la movado mem.

**chts**



vivo, foje iras al tiuj "filozofoj", kiuj diras ke la kaŭzo de ilia malfeliĉo estas ilia nomo, kaj konsilas ke ili ĝin ŝanĝu.

Por koreo la nomo estas sankta. La persona nomo estas donaco kiun elektis la maljunuloj de la familio post serioza konsultado. En malnovaj tempoj ĝi estis registrita en la familia registrolibro kaj aliaj oficialaj dokumentoj. Ĝis oni fariĝis plenaĝulo, oni havis karesnomon; inter plenaĝuloj oni uzis plumnomon, kiu kutime konsistis el du ĉinaj literoj kun belaj signifo kaj sono.

La nomoj do ne estas uzataj facilanime en la ĉiutaga vivo. Estas tabuo voki iun pli aĝan per la persona nomo: tio estas la plej nepardonebla insulto. Se vi volas paroli al iu s-ro Pak kaj ne konas lin bone, elektu la plej sekuran kaj plej respektoplenan manieron: aldonu *sonsengnim* ("instruisto"). Same pri virinoj.

La virinoj ne ŝanĝas nomon post edziniĝo. Sed ilia nomo estas tre malofte uzata en la ĉiutaga vivo, krom inter intimaj amikinoj. Familianoj kaj najbaroj konas virinon kiel ies edzinon aŭ patrinon. Se virino havas laboron ekstere, ŝi uzas sian fraŭlinan nomon por ĉiuj oficialaj kazoj. Edzo kaj edzino ne vokas unu la alian per la nomo, sed ili uzas la vorton "kara".

laŭ *La Espero el Koreio*

# Kie turismi: sep vidindaj lokoj

**Seulo**

La 10-miliona Seulo estas administra ĉefurbo kaj ankaŭ politika, ekonomia, kultura, eduka centro de la lando.

Seulo fieras pri kvar reĝaj palacoj el la periodo Chosŏn (1392-1910): Kyŏngbokkung, Tŏksugung, Ch'angdŏkkung kaj Ch'anggyŏnggung. En la Sekreta Ĝardeno (Piwon) apud Ch'angdŏkkung belege flegataj plantaroj ĉirkaŭas klasikajn konstruaĵojn. En Seulo troviĝas la praa reĝa sanktejo Chosŏn. Rekomendataj vizitindaĵoj estas i.a. la Nacia Muzeo, la Nacia Instituto pri Klasika Muziko, la Kultura Centro Sejong, la Art-halo Hoam, la turo Namsan kaj la Korea Domo. En Kwach'ŏn, suda antaŭurbo de Seulo, la Nacia Muzeo de Nuntempa Arto meritas viziton.

**Kyŏngju**

Ĉefurbo de la reĝlando Shilla tra milo da jaroj, Kyŏngju signifas la samon por Koreio kion Ateno por Grekio. Dise tra la urbo troviĝas reĝaj tomboj, patinaj ŝtonpagodoj, budhismaj reliefoj kaj fortikaĵ-ruinoj. Historiaj fontoj atestas ke la urbo loĝigis milionon da homoj en la tegol-tegmentaj domoj de siaj regule ortaj stratoj. La du grandiozaj trezoroj de Kyŏngju estas la templo Pulguksa kaj la groto Sŏkkuram, kiuj ambaŭ reprezentas plej rafinitan budhisman arton. Aliaj historie gravaj lokoj estas la parko Tumuli, Onŭng (Kvin tomboj), Ch'ŏmsŏngdae (Stel-observa turo), la tombo de generalo Kim Yu-shin kaj la grandnombraj temploj kaj pagodoj de monto Namsan.

La Pomun-laga ripozejo, nur ses kilometrojn oriente de la urbocentro, ofertas diversajn eblojn por ripoze libertempi.

**Folklora Vilaĝo**

Je 30 minutoj sude de Seulo, ĉi tiu subĉiela muzeo prezentas ĉion prae kaj tipe korean: domojn el diversaj regionoj, forĝistojn, ĉarpentistojn kaj potfaristojn dum laboro, kajto-konkursojn, ŝnurdancistojn, nuptajn kaj funebrajn procesiojn . . .

**P'anmunjŏm**

56 kilometrojn norde de Seulo, en tiu ĉi vilaĝo estis subskribita la armistico finanta la korean militon la 27-an de julio 1953. Nun ĝi troviĝas en sekureca zono prigardata de la usona kaj nord-korea armeoj.


*La templo Pulguksa en Kyŏngju*

# Komunaj pladoj: de kimĉio ĝis *samgyetang*

Se vi petos iun prezenti koreajn manĝojn, li probable unue parolos pri kimĉio, fermentinta brasikaĵo kun abundaj spicaĵoj. Ĝin koreoj pleje ŝatas kaj manĝas preskaŭ kun ĉio. Alia fama plado estas pulgogio, mola bovaĵo kuirita super varmaj lignokarboj.

Koreoj manĝas plenajn tri manĝojn, kiuj kutime konsistas el rizo, supo, kimĉio kaj pluraj almanĝaĵoj. Post la manĝo ili trinkas hordean teon (*poricha*) kaj manĝas fruktojn.

Vi gustumos ankaŭ pladojn el tre diversaj legomoj, ĝardenaj kaj montaj, kiuj akompanas rizon. Legomoj tre gravas en koreaj manĝoj. Multe manĝataj estas ankaŭ fiŝoj kaj marherbaĵoj. Viandoj estas tradicie malpli konsumataj.

La koreoj opinias la ĉinan manĝon grasa kaj la japanan dolĉa – la korean hela, malpeza, simpla kaj akra. Spicoj ofte uzataj de koreoj estas ajlo, papriko (ruĝa pipro), sojsaŭco, zingibro, sezamoleo, sojfaba pasto (*toenjang*).

Vi povus surprizetiĝi kiam vi sidiĝos por manĝi koree, ĉar, krom rizo kaj supo, ĉiuj pladoj estas komunaj. Tradicie, la manĝoj surtabliĝas ne pladon post plado, sed samtempe. Ĉiu prenas laŭ sia plaĉo. La koreoj manĝas rizon kaj supon per kulero kaj almanĝaĵojn per bastonetoj.


*Festena tablo*

Pladoj pli akcepteblaj por okcidentanoj estas *kalbitang* kaj pulgogio. Tiuj ĉi du prepariĝas el porko aŭ bovo. *Kalbitang* estas supo kun bovripaĵo. Aliaj popularaj manĝoj estas *pibimbap* (miksaĵo de rizo, legomoj, ovo, paprika pasto kaj iom da viando), *naengmyon* (vermiĉeloj en malvarma buljono, multe manĝata en somero) kaj *samgyetang* (buljono farita el koko, ginsengo kaj jujubo, bonega por la sano).

chts

**Insulo Kanghwado**

Meze de la enfluejo de Han, norde de la haveno Inch'ŏn, la naturbela kaj histori-riĉa Kanghwado estas la kvina plej granda insulo de Koreio. Inter ĝiaj historiaj vidaĵoj troviĝas altaro kiun laŭkrede starigis Tangun (la legenda fondinto de la nacio), fortikaĵoj, muroj kaj la templo Chŏndŭngsa.

**Insulo Cheju**

Post unuhora flugo el Seulo, la vojaĝanton akceptas tute malsamaj klimato kaj naturo. La duontropika klimato de Cheju kreas apartajn pejzaĝon kaj faŭnon, kio popularigis ĝin inter turistoj kaj nuptovojaĝantoj. La ĉefa monto de la insulo, la vulkano Hallasan, laste eruptis en 1007; la lafofluoj elformis multajn tunelojn, kolonojn kaj ĉiajn strangajn figurojn.

**La orienta marbordo**

La spirhaltige majesta montaro Sŏraksan, parto de la Diamanta Montaro, apartenas al la naturmirakloj de la mondo. Ĉe ĝiaj piedoj, en la norda parto de la orienta marbordo, kuŝas la plej agrablaj plaĝoj de Koreio: mildaj deklivoj invitas al malprofunda akvo kun nefortaj fluoj.

## Unika lingvo kun unika skribo

Ĉiuj koreoj parolas la saman lingvon, kiu donas al la popolo nacian identecon. La korea apartenas al la uralaltaja lingvogrupo. La korea alfabeto, nomata *Hangul*, konsistas el 14 konsonantoj kaj 10 vokaloj.

Antaŭ la kreado de Hangulo la korea estis skribita pere de ĉinaj ideogramoj, kiujn lerni estis ja malfacile kaj temporabe. Do la reĝo Seĝong en la 15-a jarcento taskis siajn klerulojn inventi novan skribsistemon, kiu estu facile lernebla kaj kiun ĉiuj homoj povu uzi por esprimi siajn ideojn. La rezulto estis scienca kaj fonetika skribsistemo, Hangulo.

La korea lingvo estas skribata en silabaj unuoj kombinitaj el du aŭ tri literoj. Unu silabo konsistas el konsonanto kaj vokalo, aŭ el konsonanto, vokalo kaj fina konsonanto. Oni skribas silabon de maldekstre dekstren kaj desupre suben. La alfabeto estas simpla, sistema kaj facile lernebla. Tial ĝi grande kontribuis al la altprocenta korea legipovo.

Por la transliterumado de koreaj vortoj oni aplikas la sistemon McCune-Reischauer, kiun aprobis la korea registaro.

chts

## Forte simbola flago



La korea nacia flago, nomata Taegŭk, havas fortan simbolan valoron. Ĝia blanka fono reprezentas la landon, la cirklo la popolon, kaj la kvar strek-aroj la registaron. Aliflanke, la du partoj de la perfekte ekvilibra cirklo (*yang* la supra, ruĝa; *ŭm* la suba, blua) simbolas la duecon de la kosmo: fajron kaj akvon, tagon kaj nokton, lumon kaj mallumon, konstruon kaj detruon, virecon kaj inecon, aktivon kaj pasivon, varmon kaj malvarmon, pluson kaj minuson . . . En Taegŭk centre staras la ideo ke la daŭran moviĝadon de la senfino samtempas ekvilibro kaj harmonio.

Ekvilibro de kontraŭoj: la saman ideon bildigas ankaŭ la strektriopoj. La senrompaj linioj (maldekstre, supre) signifas la ĉielon; diagonale frontas ilin rompitaj strekoj, kiuj reprezentas la teron. Malsupre, maldekstre videblas fajro – supre, dekstre akvo.

## Sur la librobreto

Multaj tradukoj el la korea literaturo aperis en diversaj revuoj, precipe en *La Espero el Koreio*. Malgraŭ longtempa deziro, ankoraŭ ne eldoniĝis korea antologio. Ĉe la Libroservo de UEA haveblas du beletraj tradukoj el la korea:

**Ĉunhjang.** Koreaj rakontoj. Diversaj aŭtoroj. Tradukis Cho Sung Ho. Seulo: KEA, 1989 (3-a eld.). 39p. 21cm. Tri antikvaj fabeloj, kiuj reliefigas la virtojn sindonemo, justeco kaj honesteco. 2,70 gld.

**Koreaj eseoj, noveloj kaj popolrakontoj, 1932-1967.** Seulo: KEA/Libera Biblioteko, 1987. 222p. 22cm. 13,20 gld. Tradukis kaj kompilis Hajpin Li (1917), Honora Membro de UEA kaj aŭtoro de la E-vortaroj uzataj en Koreio. La kompilinto deziris ke lia verko estu la "sojlo de la Korea Antologio". Laŭ A. Burkhardt (*Esperanto*, marto 1990), per tiu ĉi libro "ni povas ĵeti rigardon en la unuan salonon de fascina kulturo".

Aliaj verkoj rilataj al Koreio estas:

**Esperantigita Hun Min Ĝong Um.** Seĝong. Tradukis kaj komentariis Bak Giŭan. Seoul: Korea Lingva Societo, 1989. 144p. 22cm. Reprodukto de la mezepoka dokumento difinanta la nunan korean skribsistemon, kun "tre klara fonetika komentario de talenta lingvistikisto kaj esperantologo" (J. Wells en *Esperanto*, aprilo 1991). 21,60 gld.

**Historio de la Esperanto-movado en Koreujo (1906-1975).** Sam-Su Kim, 1976. 473p. 24cm. Bind. Kore-lingva, kun historiaj dokumentoj en E-o. 30,00 gld.

**Korea eksprese. Facila aliro al korea lingvo.** Bak Giŭan. Seulo: Hanshin, 1989. 242p. 22cm. Bind. Detala kurso speciale verkita por esperantistoj. 35,40 gld.

**Studo pri morfologia kontrasto de la korea kaj Esperanto.** Bak Giŭan. En la korea, kun angla kaj Esperanta resumoj. Seulo: Seula E-Kulturcentro, 1991. 183p. 26cm. 23,40 gld.



*Eks-Sovetio:*

# Fortoj kaj mankoj en Ukrainio

Kun intereso mi tralegis la artikolon "Malfluso ĉe la Balta Maro" de Jaan Ojalo (majo, p. 86), kiu temas pri la ege malfacila situacio de la E-movado en Estonio. Mi opinias ke en la aliaj eks-sovetiaj respublikoj la situacio ne multe pli bonas.

Veraj ŝanĝoj okazis ĉie en la agado de la E-asocioj en la eks-socialismaj landoj. Antaŭ ĉio, aperis pli da E-organizaĵoj ol antaŭe – plej multe oniĝis ili en eks-Sovetio kaj eks-Jugoslavio. Certe, en la novaj sendependaj ŝtatoj ne povis ne ekesti sendependaj E-organizaĵoj. Sed eĉ en la unuopaj landoj komencis aperadi po kelkaj sendependaj asocioj, kiuj – jen la plej malbona fakto – ne ĉiuj pace kunekzistas. Same kiel antaŭe, bonan ekzemplon montris la baltaj respublikoj: ĉiu refondis unu organizaĵon, ene de kiuj ne estis kunpuŝiĝoj.

Internacian signifon havas ke kvin landskalaj asocioj el eks-Sovetio estas UEA-membroj (Estonio, Latvio, Litovio, Rusio, Ukrainio), kaj ke individuoj nun pli ofte kaj pli amase partoprenas UK-ojn kaj aliajn internaciajn E-aranĝojn.

Tamen, multas negativaj flankoj. Rezulte de la ekonomia stato de ĉiuj niaj landoj, malaktiviĝis agemaj e-istoj, kies plimulto – ŝajnas al mi – okupiĝas nun ĉefe pri diversmanieraj akiroj de mono. Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj ni daŭre serĉas la vojojn por eliri el tiu kriza situacio. La E-vivo en niaj novaj ŝtatoj tamen daŭras: okazadas kongresoj, konferencoj, renkontiĝoj, kunflugoj . . .

Kaj jen, la 30-an kaj 31-an de oktobro en la sud-ukrainia urbo Nikolajev pasis konferenco de Ukrainia E-Asocio, kiun partoprenis reprezentantoj de 17 E-kolektivoj el 13 lokoj, kaj plurdekoj da individuaj UkrEA-membroj. Oni konkludis ke venis tempo transiri al novaj formoj kaj stilo de laboro. La unua ŝtupo estu pli da atento kaj apogo al la plinombriĝantaj individuaj membroj. La konferenco ne donis takson pri la laboro de la UkrEA-Konsilio, novelektita en majo (vd. jun., p. 120) – tio sendube estus frua –, sed menciis ke la laboron de la Asocio bremsas la manko de propra revuo aŭ informilo kaj la malofta informado al la eksterlando pri ukrainiaj e-istoj.

Sed fortoj en nia lando estas. Mi povus nomi dekon da bonegaj e-istoj kiuj facile povus aranĝi altnivelajn E-renkontiĝojn pri certa temo, entrepreni prelegvojaĝojn tra la mondo, instrui en rapidkursoj. Manuskripte pretas kelkaj E-libroj, ĉefe instrukarakteraj. En Drogobiĉ ĵus fondiĝis nova E-eldonejo. La Internacia Instituto de Administro en Slovjansk (vd. nov., p. 186) enkondukis E-on kiel nepran studobjekton (mi opinias, tamen, ke instrui la lingvon al personoj kiuj ne volas ĝin lerni, estas vere malutila).

Ni ne volas ke alilandaj e-istoj komprenu kvazaŭ pro la mizero ni ion petus de ili. Sed la E-movadon en niaj landoj ili povas helpi ankaŭ per pli grandnombra partopreno en niaj E-aranĝoj kaj kontribuo al ili, aŭ invitante niajn spertulojn al prelegvojaĝo, instruado en rapidaj kaj paroligaj kursoj, aŭ simple al partopreno (laŭeble kun rabato) en E-aranĝoj de iliaj landoj.

**Dmitrij Cibulevskij (Ukrainio)**

## Popoldanco pluas



**Ekde 1980 la Etnografia Muzeo de Toruń (str. Wały gen. Sikorskiego 19, PL-87-100 Toruń, Pollando) uzas E-on por neesperantistoj. Dum ĝiaj 13 Internaciaj Renkontiĝoj de Popolaj Orkestroj prezentiĝis 76 grupoj el 19 landoj. En februaro la muzeo decidos jam la 14-an fojon kiun inviti. Oni atendas ensemblojn kiuj ludas tradician muzikon de sia regiono en tradicia (ne stiligita!) maniero, kun 1-2 dancparoj kaj kantistoj. La grupoj konsistu el maks. 12 personoj, inter kiuj nepre estu bona parolanto de E-o, por interpreti. *Sur la foto:* Dagestanaj partoprenantoj en 1992. (T. Nemere)**

# Historia konferenco en Bjelorusio

En la lasta semajnfino de septembro, slogantuko kaj dulingva afiŝo bonvenigis en la centro de la urbo Grodno la gastojn al la unua internacia aranĝo de Asocio E-ista de la Respubliko Bjelorusio (AERB), fondita antaŭ nelonge. Dum tri tagoj 104 personoj ĝuis la internacian etoson de historia konferenco: pluraj venis el la najbaraj Pollando (19), Litovio (10), Rusio kaj Ukrainio, sed kelkaj ankaŭ el Francio kaj Usono.

Dum la solena inaŭguro la prezidantino de AERB, Leonarda Volkova, emfazis: "Ni dediĉu nian feston memore al Dimitrij Snejko – elstara bjelorusa aktivulo, kaj la unua deportita esperantisto dum la Stalina teroro, kies 90-a naskiĝtago estus hodiaŭ." Fine de la solenaĵo, gazetara konferenco respondis demandojn de ĵurnalistoj pri "Tutmonda E-movado: evoluaj perspektivoj". Festan koncerton prezentis la grupo Steletoj de 6-jaraj geesperantistetoj. Fine la gastoj povis gustumi la naciajn pladojn *babka* (el terpomoj) kaj *salanka* (el brasiko kun fungoj) ĉe blanktukaj tabloj de bankeda halo.

La sekvan matenon la veterano Miĥail P. Mandrik tranĉis festan rubandeton por malfermi E-ekspozicion en la historia muzeo de Grodno. Al rakonto de la ekskurs-gvidantino pri la historio de la bjelorusa E-movado Mandrik aldonis proprajn rememorojn. Eksterlandaj e-istoj donacis librojn, insignojn kaj esperantaĵojn por estonta E-muzeo.

El la muzeo ĉiuj direktis sin al la kongresejo, por partopreni "rondan tablon". La ĉefaj prelegoj estis: "Antoni Grabowski" (Ewa Bondar, Pollando), "Poeto kaj tradukisto David Vigodksi" (Arsenij Dubin, Rusio), "Esperanto en Peterburgo, Petrogrado, Leningrado ... kaj Sankt-Peterburgo" (Aleksandr Kogan, prezidanto de la societo Espero en Sankt-Peterburgo),"Mia esperantista vivo" (Miĥail P. Mandrik), "Kurta historia skizo pri la E-movado en Bjelorusio" (Nina Jelisejeva), "Dimitrij Snejko" (Leonarda Volkova), "A. Toporkov" (Olga Vdoviĉenko, Ukrainio), "Nelaŭleĝa E-literaturo dum la soveta diktaturo" (Adomas Vaitilavičius, redaktoro de *Litova Stelo*), "Antanas Poško – vojaĝanto, antropologo, verkisto" (Vytautas Šauklis, Litovio) kaj "Dudek celoj de Internacia Societo de Amikeco kaj Bonvolo" (Stanley Drake, Usono).

Aŭskultante la prelegojn, ĉiuj tamen atende observadis la pordon. Jen la pordo ekbruetis kaj en la halon eniris afable ridetema gasto – d-ro Louis Zaleski-Zamenhof. Dum stara aplaŭdo, li enmanigis du leterojn al la prezidanto de AERB: mesaĝon de UEA al la konferenco kaj gratulan informon pri la honora membreco de Miĥail P. Mandrik. Zaleski-Zamenhof prezentis prelegon pri "Komuna domo sen apartigaj muroj sur neŭtrala lingva fundamento".

La partoprenantoj de la ronda tablo decidis: la internacia E-konferenco pri historio fariĝu tradicia. La stafet-bastonon transprenis Aleksandr Kogan, kiu proponis konservi la saman daton.

Vespere pastro Józef Zielonka (Pollando) celebris meson en katolika preĝejo – la unuan E-lingvan diservon en Bjelorusio. Poste amuzan vesperon gvidis la 16-jaraj Veronika Volkova kaj Saŝa Pogorelov. La aktiva partopreno de junuloj en E-aranĝo ĝojigis Louis Zaleski-Zamenhof: "Dank' al junulara entuziasmo kaj komuna gastameco mi mem sentas min juna kaj kuraĝa. Hodiaŭ mi sentas min grodnano, kiel mia avo iam loĝinta ĉi tie. Kaj plej neforgesebla impreso – la unuan fojon en la vivo mi aŭdis 'Preĝo sub verda standardo' en preĝejo." Kaj la pastro kaj la "nepo" volonte partoprenis bjelorusajn popolajn ludojn.

Adiaŭan "amikan rondon" ĉe la Zamenhof-domo filmis la pola reĝisoro Roman Dobrzyński. La atenton de preterirantoj allogis belaj rozoj ĉe la memortabulo, kie estas ĉizitaj la vortoj: "La popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian".

**Leonarda Volkova**

### Kaj en Minsk . . .

Alla Fridman gvidas Cseh-metodan kurson por komencantoj dufoje semajne ĉe la kultur-palaco Junactva (kie funkcias la junulara E-klubo Verda Lumo). Miĥail Mandrik instruas komencantojn en sia propra hejmo. Ĉe la ŝtata eldonejo Navuka i Tehnika aperis la "praktika helpilo" *Mova Esperanta* de Adam A. Pavlukovec, la unua E-lernolibro en la bjelorusa (havebla ĉe UEA).

Ĉefurbaj aktivuloj diskutis, la 16-an de oktobro, pri la perspektivoj de la E-movado en la lando kaj en Minsk. Ili elektis delegitojn proponotajn al UEA kaj adresis peton al AERB rekoni la fondotan Minskan E-centron kiel sian filion. (A. Tolmaĉov)

# Nova rusa teamo

Mirinda estas la vivkapablo de la rusa Esperanto-movado: laŭ pluraj trajtoj la situacio en la lando alproksimiĝis al milita, sed malgraŭ tio la ĉi-jara, 12-a kongreso de Rusia Esperantista Unio (REU) allogis inter la 6-a kaj 9-a de novembro 70 partoprenantojn de pluraj eks-sovetiaj urboj al la nigramara banurbo Soĉi.

La membraro de REU draste falis en la lastaj jaroj – je ĉ. 70% de tiu en 1991. En 1993 membris en REU nur 12 kluboj kaj ĉ. 80 individuoj. Sendube influas tion ekonomiaj kaj politikaj faktoroj, sed nelastan rolon ludis la absoluta pasiveco de la antaŭa gvidantaro, kiu okupiĝis nur pri voĉdonado, statutoj kaj reglamentoj.

Rezulte, la antaŭa "registaro" demisiis kaj estis elektita nova teamo kun unujara mandato, kies prezidanto iĝis Andrej Ananjin. Kvin vicprezidantoj dividas la taskojn: prizorgo de individuaj membroj (Viktor Aroloviĉ), kolektivaj membroj (Vladimir Bespalov), financoj (Georgij Kokolija), eldonado (Aleksandr Ŝevĉenko) kaj sekretariaj aferoj (Miĥail Ĉertilov). Komisiitoj L. Vulfoviĉ, A. Salomatov kaj L. Medvedev okupiĝas resp. pri movad-historio, turismo, agado scienca-teknika kaj ekologia. La kongreso krome decidis ke la estraro kreu sistemon de regionaj reprezentantoj de REU, stabiligu la membronombron kaj daŭrigu traktadojn kun Ruslanda E-Asocio kaj aliaj rusiaj E-organizoj por okazigi Rusian E-Kongreson kiel komunan forumon por ĉiuj e-istoj en Ruslando.

**Andrej Ananjin**

*Historio:*

# De Jean Borel ĝis urb-unuiĝo: 90 jaroj da movado en Berlino

***La 27-28-an de novembro, 171 e-istoj el 8 landoj festis kun Esperanto-Ligo de Berlino rimarkindan jubileon: la unua E-grupo en Berlino fondiĝis fine de novembro 1903. Jen okazo rerigardi al la evoluo de Esperanto en urbo kiu ĉiam donis impulsojn al la germana E-movado.***

De la Berlina grupo eliris la instigo fondi Germanan E-Asocion (GEA, 1906). En Berlino estis la sidejoj de GEA (inter 1925 kaj 1933), de Germana Laborista E-Asocio (GLEA, 1930-1933), de E-Asocio en Kulturligo de GDR (GDREA) kaj de ĝia antaŭulo (1965-1991). En Berlino eldoniĝis *Germana Esperantisto* (1905-1912, 1922-1935), *La Laborista Esperantisto* (1930-1933), *der esperantist* (1965-1990), *Paco* (1960 kaj 1965-1989) kaj aliaj E-gazetoj. En Berlino funkciis la eldonejoj Möller & Borel (1903-1912), Ellersiek kaj Borel/Friedrich Ellersiek (1922-1935), Rudolf Mosse-Esperanto-fako (1926-1928), kaj tiuj de GLEA (1930-1933) kaj de la GDR-a laborrondo/asocio (1965-1991). Ĉi tie agadis fervoraj e-istoj en diversaj fakoj, kiuj postlasis al ni valoran heredaĵon. Nomoj kiel Wilhelm Förster, Adolf Schmidt, Eugen Wüster, Jean Forge kaj aliaj ne forgeseblas.

## La komenco

Venis en 1903 la svisa ĵurnalisto Jean Borel al Berlino kaj decidis post renkontiĝo kun kvar Berlinaj e-istoj – d-ro Adolf Schmidt, d-ro Wilhelm Weterkamp, Marcel Pagnier kaj Hermann Jürgensen – resti por organizi la E-istan Grupon Berlinan. Post vizito de Zamenhof kaj Kabe, tiu grupo estis fondita en novembro 1903. En decembro Jean Borel, helpe de sia frato Jules (posedanto de eldonejo kaj presejo), fondis la eldonejon Möller & Borel, kiu samtempe estis la sidejo (Prinzenstr. 95) de la grupo. En 1904 okazis ampleksa propagandado por krei en Berlino movadan centron kiu elradiu al tuta Germanio.

Al la Berlina grupo aliĝis aktivuloj el aliaj urboj, kiel Eduard Mybs el Hamburgo kaj Paul G. Christaller el Stutgarto, eĉ eksterlandanoj kiel Georgo Davidov el Saratov kaj Hippolyte Sebert el Parizo. Poste la aktivuloj povis starigi grupojn en siaj propraj urboj helpe de materialoj el Berlino, kaj en 1906 fondiĝis Germana E-ista Societo (poste GEA) kun konstanta laŭleĝa sidejo en Berlino. Tamen, la administrejo de GEA estis malfermita nur en 1925, kiam Ernst Kliemke (1870-1929), banka ĉefoficisto, pacifisto kaj bahaisto, verkisto sub la pseŭdonimo Heinrich Nienkamp, prezidis GEA.

La unua prezidanto de la Berlina Grupo, inter 1905 kaj 1908, estis Adolf Schmidt (1860-1944), geofizikisto kaj profesoro ĉe la Berlina Universitato. Li komencis la unuan kurson kiu celis speciale E-instruistojn. Alia sciencisto, la Lepsika

## Starto de la movado

Movadhistoria verko kiu traktas la historion de la internacilingva movado ekde 1887, estas suspektinda ... Ĉu ankaŭ aliajn faktojn ĝi traktos tiel arbitre-false? Ja la movado estas pli malnova ol la lingvo.

La internacilingva movado startis en 1879, je la apero de la lingvoprojekto Volapuko. La volapukistoj havis la celon difinitan de Komenio. Plej koncize montris tion ilia devizo: *"Al unu homaro unu lingvo! – sen damaĝo por la lingvo gepatra."* (Ofte oni falsas ĝin, citante nur la unuan parton!) Dum jardeko oni klopodis lingvigi ĝin. Post dek jaroj apartenis al la movado ĉ. 200 lokaj societoj (kluboj), kiuj ampleksis ĉ. ok mil movadanojn. Ekformiĝis landaj asocioj, aperis lernolibroj, vortaroj kaj libroj, oni aranĝis tri kongresojn (1884, 1887, 1889) kaj fondis Akademion de Volapuko.

Sed post la unua jardeko evidentiĝis ke nur tre malmultaj movadanoj parolas la lingvon. Oni trovis ĝin tre malfacila kaj – precipe eksteruloj – malbelsona, kaj ĝi iĝis mokobjekto de la etnolingva gazetaro. Pro malkonsento pri lingvaj reformoj skismis la Akademio kaj la tuta movado. Post la unua jardeko la Volapuk-movado kolapsis kaj preskaŭ tute malaperis ene de kelkaj jaroj.

Sed ne malaperis la internacilingva movado entute. En 1887 elpaŝis Zamenhof kun sia lingvoprojekto, kaj "li trovis aŭskultadon unue ĉe la publiko, kiu ja okupiĝis pri la ideo de la mondlingvo okaze de Volapük. Oni eĉ povus diri, ke same kiel la kristanismo elkreskis el la greklingvaj sinagogoj, tiel Esperanto enplantiĝis en la volapukistajn rondojn, kaj tie ekfloris." (G. Waringhien: *Lingvo kaj vivo*, Rotterdam, 1989, p. 398)

La Nurenberga Mondolingvo-Societo (fondita en 1885) ŝanĝante sian lingvo(projekto)n de Volapuko al Esperanto fariĝis *la unua esperantista organizaĵo* en la mondo en 1888. Tiu evento estas simbola. Pli gravan rolon havis en la movadhistorio tiuj eminentaj eksvolapukistoj kiuj iĝis pioniraj esperantistoj. Jen kelkaj konataj nomoj (kun la dato de la lingvoŝanĝo): Antoni Grabowski (1887), Nikola Zlatev (1888), Leopold Einstein (1888), Christian Schmidt (1888), Ludwig Emil Meier (1889), Daniele Marignoni (1889), Vladimir Szmurlo (1891), Vasilij Devjatnin (1891), Jaan Tennisson (1891), Paul Nylén (1892), Haldor Midthus (1896), Jean Borel (1900), Mieczysław Czerwiński (1900), Albin Möbusz (1901), Hindrik Jan Bulthuis (1901), Eugènie Cense (1901), Eduard Mybs (1902), Charles Hayes (1903).

Eksvolapukistoj aperis en la unua Lingva Komitato en 1905, kaj la lingvoŝanĝoj daŭris eĉ post 1905. Ekz. la Volapuka revuo *Zi vol Lolok* (1887-1892) post la lingvoŝanĝo de



*Jean Borel (1868-1946)*

profesoro Wilhelm Ostwald (1853-1932, kemia Nobel-premiito en 1908) en novembro 1902 prelegis en Berlino antaŭ 600 homoj pri "La internacia helplingvo kaj Esperanto". Rezulte, pli kaj pli da sciencistoj interesiĝis pri Esperanto. Ankaŭ firmaoj reklamis per ĝi, kaj dum la 20-aj jaroj komercaj lernejoj enkondukis ĝin kiel instrufakon. Gravajn impulsojn donis Eugen Wüster, kiu venis al sia grava normiga laboro tra Esperanto-studoj ĉe la Teknika Altlernejo en la Berlina kvartalo Charlottenburg.

Dum la unua mondmilito la eldonejo de Ellersiek aperigadis revuon por klerigi la eksterlandon pri la germanaj politiko kaj militgvidado. Samtempe la pacifista pastro Nitthack-Stahn konsilis en *Germana Esperantisto* "ke ni ne malamu iun ajn popolon ..." Post la milito la movado en Berlino prosperis. En 1930 la Esperanto-Gruparo de Berlino konsistis el 11 lokaj grupoj kaj sep fakgrupoj. En 1924 la ĉefa Berlina radio-elsendilo, Königs Wusterhausen, lanĉis serion da elsendoj. Regule okazis propagandaj prelegoj, kursoj kun centoj da homoj. Tio kulminis kiam en 1931 Andreo Cseh gvidis enkondukan kurson en la Berlina urbodomo kaj en radio. Sed ĉia agado ĉesis dum la faŝismo, kiu speciale persekutis la laboristan E-movadon.

Jam en 1911 Germana Laborista E-Asocio havis Berlinan grupon, kiun prezidis Adolf Sproeck (redaktoro de *Laborista Esperantisto* inter 1922-27 kaj prezidanto de E-Ligo Berlin en la 50-aj kaj 60-aj jaroj). Post la skismo de la laborista movado en 1930, unu jaron poste 50 e-istoj kiel reprezentantoj de ĉiuj Berlinaj E-organizaĵoj provis kunordigi la laboron de la Berlina e-istaro per fondo de "ĝenerala komitato por komuna Esperanto-laboro en Berlino". La faŝisma reĝimo malpermesis ĉiujn laboristajn E-organizaĵojn. GEA "samdirektiĝis" en 1933 kaj provis supervivi per kompromisoj kun la sistemo, sed estis atakita de la faŝisma NDEB ("Nova Germana E-movado"), kiu havis eĉ sian "regnan informilon" *Esperanto en Germanio* en 1934-1935. En 1936 ĉiu laboro por Esperanto malebliĝis. En tiu tempo la biblioteko de la Germana E-Instituto estis sendita al la Prusa Ŝtata Biblioteko en Berlino por savi ĝin.

Post la dua mondmilito la E-vivo en kelkaj distriktoj ekfloris. La E-societo Wilmersdorf jam en 1947 estis agnoskita. E-Ligo Berlin fondiĝis en 1949, sub la gvido de Wilhelm Wittbrodt. Oni atingis la instruadon de la lingvo en diversaj lernejoj kaj popolaj altlernejoj. Vigliĝis la grupa vivo kaj internaciaj kontaktoj. Karl Vanselow, Jean Forge, Louis Beaucaire kaj Jan Stanisław Skorupski famiĝis pro literatura kreado. Kulminaj aranĝoj en okcidenta Berlino estis la germanaj Esperanto-kongresoj en 1960 kaj 1980. Meze de la 70-aj jaroj Ina kaj Hermann Tautorat donis al la lingvo novajn impulsojn per instruado, fondo de la Ĵaŭda Rondo kaj de biblioteko/arkivo de la Ligo. Oficialajn internaciajn kontaktojn iniciatis kaj kultivas ĝis hodiaŭ la grupo Lietzensee kun la e-istoj en Trento.



*Friedrich Ellersiek (1880-1959)*

La malpermeso de Esperanto en 1949 en la Soveta Okupacia Zono, poste en GDR, malfaciligis la laboron en orienta Berlino. Tamen, en la ankoraŭ komuna *Berlina Informilo*, fondita en 1949 de Margarete von Waldowski, aperis siatempe adreso de respondeculo (s-ro Brüchert) en orienta Berlino, kie E-Ligo Berlin havis membrojn ĝis la komenco de la 70-aj jaroj.

Sendepende de tio, post la Varsovia UK en 1959 GDR-anoj intensigis siajn klopodojn por oficiala rekono de Esperanto. Ludwig Schödl – iama laborista aktivulo, peranto de *Nuntempa Bulgario*– kaj Karl Maier – e-isto reveninta el Ĉinio kaj peranto de *El Popola Ĉinio* – fondis grupon en 1960 kaj turnis sin al la instancoj por agnosko. En 1965 la GDR-aj e-istoj sin organizis kadre de tegmenta organizo, Germana Kulturligo: ekestis centra laborrondo, distriktaj kaj subdistriktaj laborrondoj, kaj E-grupoj. Distrikta laborrondo en Berlino fondiĝis en 1965, sub la sinsekva gvido de Rudolf Hahlbohm (iama laborista e-isto), K.U. Riemann (ĵurnalisto) kaj Ernst Schonert (bankoficisto). La unua grupo estis fondita en la kvartalo Prenzlauer Berg, en kies popola altlernejo Esperanto estis instruata de post 1976. Famiĝis d-roj Klaus Schulze, pro siaj tradukoj, kaj Detlev Blanke, pro interlingvistikaj

---

la redaktoro Sigfried Lederer (1908) aperis kiel *Ĉirkaŭ la mondo* en 1909.

En la malrapide elformiĝanta E-movado nur la generacio de eksvolapukistoj havis movad-organizajn spertojn. Ili heredigis al Esperantio la organizan strukturon, la propagandmetodojn, la rilatojn al la lingvoinstruado, tradukado de klasika beletro, praktika aplikado k.a. Oni daŭrigis la tradiciojn de la kongresumado, Akademio, himno, interna ideo ktp.

*La internacilingva movado pro fiasko de la elektita lingvoprojekto devis metamorfozi. Ĝi ŝanĝis sian lingvoprojekton de Volapuko al Esperanto.* La celo, la karaktero kaj parte ankaŭ la opiniformantaj movadanoj restis la samaj. Tiu kontinueco de la movado estas fakto, sed la malkontinueco de ĝia lingvo(projekto) kaŭzis krizon, rompon, refalon, konfuzon. La sorto de la lingvoŝanĝinta movado stabiliĝis nur en la komenco de la dudeka jarcento.

**Árpád Rátkai (Hungario)**

studoj. Prof-oj Falkenhahn, Meyer kaj Lötzsch, kiel membroj de la Centra Estraro de la E-Asocio en Kulturligo, daŭrigis la interlingvistikan tradicion en Berlino.

En 1987 estiĝis kontaktoj inter junuloj el la du Berlinoj, sekve de Zamenhof-tagaj festoj en orienta Berlino kaj renkontiĝoj en Bernau. En 1989 la E-Junularo de GDREA partoprenis la Rondan Tablon de la Junularo, kunaranĝis la procezon de demokratiigo en GDR. En 1990 ĝi aliĝis al GEJ. La politika ŝanĝo en GDR kaj la malfermo de la Berlina Muro en 1989 ebligis kontaktojn de la e-istoj en ambaŭ urbopartoj, interkonatiĝon, kunlaboron kaj fine unuiĝon. La Orient-Berlina grupo en 1991 aliĝis al E-Ligo Berlin – antaŭ la samjara unuiĝo de GEA kaj GDREA.

La rerigardo al la pasintaj 90 jaroj malfermas vidon al ideoj, spertoj, laborrezultoj, kulturaj postlasaĵoj, kiuj por ni signifas devigon daŭrigi la laboron komencitan en 1903. La problemoj de lingva komunikado kaj interpopola kompreniĝo, kiujn alfrontis la Berlinaj esperantistoj en 1903 kaj poste, ne estas solvitaj, do nia tasko restas kontribui al ilia solvo.

**Fritz Wollenberg**
**prezidanto de E-Ligo Berlin**

# TEJO seminarios

denove
en Strasburgo (Francio),
en la Eŭropa Junulara Centro,
de la 1-a ĝis la 8-a de majo 1994.

Temo:
*"Trans la limoj de Eŭropo – la eŭropa kontribuo en la hodiaŭa mondo"*

Ni prioritate akceptos E-aktivulojn sub 30 jaroj el eŭropaj landoj, kiuj serioze kaj aktive kontribuos al la programo. Aliĝu baldaŭ, ĉar ekzistas nur 35 lokoj.

Aliĝoj: Lucie Karešová, Tylova 1262, CZ-50801 Hořice v Podkrkonoši, Ĉeĥio.

Program-kontribuoj: Attila Kaszás, Budaörsi út 125/F, HU-1118 Budapest, Hungario.

# *Recenzoj*



## Letero al obstina neesperantisto

**Poemo de Utnoa.** Abel Montagut. Vieno: Pro Esperanto, 1993. 223p. 24cm. 48,60 gld.

Kara amiko,

Longe kaj vane mi klopodis konvinki vin lerni Esperanton. Vi ĉiam respondis ke vi bezonas veran kaŭzon, indan celon. Mi montris al vi la internan ideon kaj ĝian longvidan homaman planon, sed vi forbalais ĝin per la hasta juĝo ke ĝi apartenas al malnoviĝinta aro da lastjarcentaj ideologioj. Mi klopodis kapti vin per la kunmeta ludo de la vortradikoj, kaj vi replikis ke vi preferas puzlojn kaj enigmojn. Mi aludis ke en la malgranda esperantista rondo ĉiuj talentoj, kvankam etaj, atingas vastan renomon kaj instigon al disvolviĝo, kaj tiam vi preskaŭ ofendiĝis, dirante ke vi neniam akceptus agi en artefarite favora medio. Finfine mi menciis la Esperantan literaturon, sciante ke vi amas legadon, kaj ke vi eĉ lernis iujn fremdlingvojn nur por legi rekte en la originalo kelkajn aŭtorojn de vi aparte ŝatatajn. Vi demandis: "Ĉu vi povas proponi al mi tian literaturan kialon por eklerni Esperanton?" Mi do entuziasme priskribis al vi miajn amatajn librojn de Kalocsay, Waringhien, Auld kaj Sadler, sed je la nomo de via klera neinformiteco vi repuŝis ĉiujn miajn klopodojn veki vian scivolon. Mi fine asertis ke ja ekzistas en Esperanto literatura ĉefverko kies ĝuo sufiĉas por pravigi la lernadon de la lingvo, kaj ĝi estas ... la lingvo mem. Sed eĉ tio ne konvinkis vin, kaj vi duonŝerce diris: "Revenu kiam vi povos proponi, krom la lingvon, almenaŭ unu verkon vere unikan, kaj tian ke neniel en alia lingvo aŭ traduko mi povu frandi similaĵon."

Nu, kara kaj pretendema amiko mia, mi nun skribas al vi, ĉar tiu atendata momento venis: mi havas en la mano karton kiu disbatos viajn aplombajn rezistojn. La karto estas tuta libro. Ĝia nomo estas *Poemo de Utnoa*. Jes, vi divenis, estas versoj. Ne, vi malpravas, ne temas pri la kutimaj lirikaĵoj. Temas pri epopeo.

En sep kantoj, kiuj sume ampleksas ĉirkaŭ sep mil versojn, la aŭtoro, Abel Montagut, rerakontas la historion de Noa imagante eksterteran postkulisan intervenon. Antaŭ la eksplodo de supernovao Iboo, la loĝantoj de planedo Goba sukcesis fuĝi en la kosmon per du grandaj cilindroformaj spackolonioj: Naje kaj Efiedi. Sed Efiedi perdiĝis kun ĉiuj enloĝantoj pro korpuskla kosmoŝtormo, dum Naje pluvojaĝis serĉante novan planedon kie restarigi la civilizacion de Goba. En la komenco de *Poemo de Utnoa*, Naje orbitadas ĉirkaŭ Tero jam sep jarojn. La koloniestroj ariĝas en du partioj: tiu de Roa Numuo opinias ke la teranoj ne estas raciaj estaĵoj, tial oni rajtas ilin elimini por lasi lokon al supera civilizacio. Male, Emme Soraa, longtempe pristudinte la teran homaron, juĝas la teranojn ja iom primitivaj, sed certe ne subhomaj animaloj. La eksterteraj sciencistoj antaŭvidas por Tero baldaŭan katastrofon, ĉar al la planedo alproksimiĝas meteoro. Tiam la Parlamento de Naje decidas ke la venonta evento, la diluvo, decidos ĉu la teranoj meritas futuron. Tiuj kiuj opinias la teranojn raciaj, sugestos al ili kiamaniere postvivi la alvenantan katastrofon, dum la kontraŭantoj ilin malhelpos. Se teranoj, eĉ nur tre malgranda nombro, ankoraŭ vivos post tio, Naje reekvojaĝos en la kosmon serĉante alian solvon. Se ne, la Goba civilizacio refondiĝos en Tero. Ni ĉiuj scias kiamaniere finiĝis la historio, ĉar pri ĝi parolas la Biblio.

Ne supozu ke ĉion ĉi la aŭtoro prezentas diligente kaj plate, ĉar veras la malo. Imagu, ekzemple, ke pri la diluvo mem apenaŭ estas mencio, kaj nur en la unuaj versoj de la unua kanto: la efektivaj komenco kaj fino de la historio troviĝas ekster la limoj de la poemo, same kiel okazas ĉe *Iliado*. El la epopeaj herooj kiujn mi konas, Utnoa laŭ mi plej similas al Eneo, el *Eneado* de Vergilio: li timas, li dubas, tamen li

agas. Eble al vi aparte plaĉus en la poemo la partoj en kiuj Utnoa vizitas, kvazaŭ per danteskaj vojaĝoj, la pozitivajn kaj negativajn eblecojn de la homaro en hipoteza futuro. Kvankam ĝi venas el aŭtoro kies patrina lingvo, la kataluna, viciĝas inter la plej noblaj kaj antikvaj en Eŭropo, oni malfacile povus difini *Poemon de Utnoa* eŭropeca. Ne nur pro tio ke la surtera parto de la eventoj okazas en Mezopotamio, sed ĝuste pro la grandaj vizioj de Utnoa pri liaj estuntaj posteuloj: ĉar por priskribi la bonon kaj malbonon, Montagut elektas faktojn, personojn kaj atingojn el ĉiuj epokoj, kontinentoj kaj civilizacioj.

La profunda aktualeco de la verko kiun mi prezentas al vi, troviĝas ankaŭ en la elstara harmonio inter la natura kaj homa elementoj kiu regas ĝian etoson. La klasikaj komparoj inter naturaj observoj kaj rakontaj eventoj, kiuj tiom riĉigas la esprimforton de la grandaj praepopeoj, en *Poemo de Utnoa* larĝiĝas al la vastega kono pri naturo kiun atingis la nuntempa homaro. Por priskribi geston, aŭ fakton, aŭ animstaton de siaj herooj, Montagut trafe apudmetas vivmanierojn kaj kutimojn de bestoj el ĉiuj klimatoj. Tio estas nur unu el la multenombraj stilaj apartaĵoj de la poemo, sed mi povas antaŭanonci ke, kiam vi ellernos Esperanton, ankaŭ vi trovos en ĉi tiu verko la riĉigajn novaĵojn kiuj en la venontaj jardekoj ĉefrolos en la debatoj pri la literatura kaj ĉiutaga uzadoj de la lingvo. Mi pensas pri la adverba finaĵo ene de kunmetitaj vortoj, kiel en la esprimoj *verdekolora*, *grizehara*, kiuj kortuŝas kaj konvinkas mian lingvosenton. Aŭ pri la "partoprenaj verboj", pritraktitaj de Probal Daŝgupto en lia grava postparolo fine de la libro.

Do jen, konklude – vi ne plu havas pretekstojn –, vera kialo por ke librovorema legavidulo kiel vi nepre lernu Esperanton: por legi en la originala lingvo tradukindan kaj tradukatan sed ja ne plene tradukeblan *Poemon de Utnoa*. Se vi ankoraŭ hezitas, konsideru ke en neniu alia lingvo ekzistas tiom ampleksa versa sciencfikcia epopeo. Ke la verko elstare



prezentas kaj vivigas ne nur aktualan, sed eĉ profetan koncepton de harmonio inter ĉiuj vivantaj estaĵoj. Ke ĝiaj radikoj sorbas la riĉan humon de diversoriginaj epopeoj kaj tradicioj tuthomare reelvokitaj. Ke, fine, dank' al la talento, akurateco, pacienco kaj prudento de Abel Montagut, oni lastatempe spiras en Esperantujo fondan, naskan aeron. Ĉu vi maltrafu tian momenton?

Ĉi-foje mi sentas ke miaj argumentoj vere fortas: via intelekta honesteco ne povas malagnoski ke por la unua fojo mi eble venkis vian reziston. Ĝis via baldaŭa respondo, kaj mi bondeziras al vi ke ĝi estu en Esperanto.

**Giulio Cappa (Italio)**

# *Laste aperis...*



**Baha-a preĝlibreto.** Zürich: Weidmann's Mondo-Servo, 1993. 24p. ISBN 3909 140 02-5. 21cm. 5,70 gld.

**Balado de Prizono Reding, La / The Ballad of Reading Gaol** (1898). Oscar Wilde (1854-1900). El la angla trad. Leopoldo H. Knoedt. Chapecó: Fonto, 1993. 77p. 21cm. Dulingva. Longa poemo pri la suferoj de pun-domanoj, inter kiuj la aŭtoro mem. 12,00 gld.

**Bela planedo, La. Demandu kaj respondu!** Charlotte Kohrs. San Diego: Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo, 1992. 21p. 21cm. Laborigaj kaj paroligaj tekstoj por infanoj. 2,10 gld.

**Ekvilibritaj arboj. Prezento de algoritmoj por tiu datumstrukturo.** Lepsiko, 1993. 18p. 21cm. Prilaborita de Volframo Distel'. 6,60 gld.

**Faru la kontrolon! + Solvoj. Speciala instrumaterialo por perfektigaj kursoj.** Andreo Cseh (1895-1979). Den Haag: IEI/NGGE, 1993 (2-a eld.). 60+26p. 30cm. 20 tekstoj kun ekzercoj, ĉerpitaj el *La Praktiko* de la jaroj 1932-36. 45,00 gld.

**Hanako lernas Esperanton.** Doi Ĉieko. Jokohamo: Mevo, 1993. 139p. 21cm. Ilus. Internacia lernolibro por komencantoj. 19,50 gld.

**Infana raso, La / A raça menina** (1956). William Auld (1924). En la portugalan trad. Leopoldo H. Knoedt. Chapecó: Fonto, 1992. 160p. 21cm. Antaŭparolo de Geraldo Mattos. Ilus. Dulingva eldono de la kompleta epopeo. 21,60 gld.

**Instrui Esperanton por komuniki. Skizo pri la komunik-situacia instrumetodo.** Catherine Samain. Beauville: SAT-Broŝurservo/Laŭte!, 1993. 15p. 21cm. 2,10 gld.

**Komentario pri Ekzercaro de Esperanto.** L. L. Zamenhof. Komentas Nakamura Teruo. En la japana. Kameoka: Oomoto, 1993. 166p. ISBN 4-900711-01-2. 21cm. Vidu ĉi-poste pri la samtitola kompakt-disko. 49,20 gld.

**Kukobakado. Terminoj, receptoj, enigmoj, ludoj, taskoj.** Lepsiko, 1993. 34p. 21cm. Rezulto de Semajno de Kukobakado. 5,40 gld.

**Parabolo pri la cisterno.** Eduardo Bellamy (1850-1898). El la angla. Beauville: Broŝurservo de SAT, 1993. 12p. 21cm. Kontraŭkapitalisma parabolo. 2,10 gld.

**Sonetoj de l' nokto / Sonetos da noite.** Cruz e Sousa (1861-1898). El la portugala trad. Leopoldo H. Knoedt. Chapecó: Fonto, 1993. 52p. 21cm. Antaŭparolo de Glauco R. Corrêa. Ilus. Dulingva sonetaro de la plej elstara brazila simbolisto. 9,60 gld.

**Studo pri morfologia kontrasto de la korea kaj Esperanto.** Bak Giŭan. Seulo: Seula E-Kulturcentro, 1991. 183p. 26cm. En la korea, kun angla kaj Esperanta resumoj. 23,40 gld.

**DIVERSAĴOJ**

**Filatelaĵo: Nederlando: Koverto 49-a Universala Kongreso.** 2,40 gld.

**Kasedo: Tohuvabohuo.** Kajto. Flugdrako, 1993. 60-minuta. Kun tekstolibreto kaj deklingva enhavresumo. 19 kantoj laŭ tekstoj de W. Auld, G. Berveling, P. Thorsen k.a. 19,50 gld.

**Kompakt-disko: Tohuvabohuo.** 25,80 gld.

**Kompakt-disko: Komentario pri Ekzercaro de Esperanto.** L.L. Zamenhof. Voĉlegas Aleksandra Watanuki. Kameoka: Oomoto, 1993. Vidu supre pri la samtitola libro. 33,60 gld.

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

# Ĉu nova Kvaropo?

**Ibere libere.** Gonçalo Neves, Georgo Kamaĉo, Liven Dek, Miguel Fernández. Vieno: Pro Esperanto, 1993. 136 p. 23 cm. 37,50 gld.

La titolo, *Ibere libere*, atentigas pri du aferoj. Anonciĝas la originalaj poemoj de kvaropo: unu portugalo kaj tri hispanoj. Kaj katenojn tradiciajn ili forskuas.

Vole-nevole ĉi tio pensigas pri alia poeta grupo kune elpaŝinta, kvardek jarojn antaŭe, per sia *Kvaropo*. Ankaŭ ili estis homoj unuregionaj. Ĉu la nova libro aspiras ludi rolon similan? Se jes, eble ankaŭ la eldonistoj celas karieron kiel tiu de Juan Régulo Pérez, kiu lanĉis la verkon de 1952.

Skotlando kaj Iberio kvazaŭ reprezentas du ekstremojn en la eŭropa mondo, kun nacilingvaj fonoj respektive ĝermana kaj latinida.

Surbaze de la Esperanta radikaro ĉefe latindevena oni atendintus ke la plej bonan poezion en la Internacia kreus precipe homoj parolantaj lingvojn sud-eŭropajn; sed ne estis tiel, kun malmultaj esceptoj – precipe Waringhien kaj Nervi. Pli elstaris, efektive, ĝermanlingvanoj (kies plej grava fono estis la angla literaturo), kun gravuloj kiel Auld, Boulton, Goodheir, Sadler ktp. Do estas salutinde ke nun aldoniĝas ambiciuloj ankaŭ iberaj.

Ĉe ili la vorto *libere* koncernas diversaĵojn, kiel la oftan preterlason de rimoj, mankon de metro memevidenta, variajn sonefektojn kaj, rilate la unuajn du, ankaŭ grafikan prezenton nekonvencian.

Multo de tio bonvenas, sed ĉi lasta efikas mispafe – kaj arkaike. La ĉiuspeca dismeto de teksteroj sur paĝo, kaj eĉ pli la ellaso de majuskloj frazkomencaj plus interpunkcio, atingas nenion rilate la dirataĵon, krom ĝeni la leganton. Tion oni jam elprovadis diverslingve antaŭ multaj jardekoj. Ekzemplo estas "Mobile" de la nederlandlingva poeto Paul van Ostaijen, kiu mortis en 1928. Lia poemo laŭaspekte parencas al iuj far Neves, sed aperis antaŭ pli ol 65 jaroj.

Eĉ en Esperanto tiaĵoj ne novas. Ekzemple Auld uzetis ortografiajn nekutimaĵojn en *La infana raso*, kvazaŭ por montri ke li ja scias pri ilia ekzisto. Poste li rezignis pri tio. Temas, fakte, pri sakstrateto de la literaturo.

Sed ĉu entute ekzistas inter ni aktuala bezono postkuri ŝanĝojn al nia tradicio? Mi opinias ke jes. Krom ke artisto neniam povas kontentiĝi pri nur la rezultoj jam atingitaj, restas la danĝeroj de dekadenco kaj regreso. Cetere, ankoraŭ ne ĉesis tro forta influo de la Parnasismo.

Ĉi tion mi mem spertis dum la pasinta jaro, sendinte poemon al bone konata revuo en sud-eŭropa lando. La redaktoro postulis ke mi eliminu kelkajn ekstrajn silabojn senakcentajn, por *tute reguligi* la skandadon. Almenaŭ en iuj anguloj de Esperantio daŭre regas la metronomismo. En 1993!

En *Ibere libere* ni unue rimarkas la eksperimentaĵojn de Neves, per kiu komenciĝas la volumo. Tre multaj liaj poemoj malhavas majusklojn kaj interpunkcion. Tion mi jam komentis. Li krome ankaŭ ellasadis verbojn, kio en modero per si mem povas esti bona tekniko; sed li tion troigis, ĝistede. Same lia emfazega ripetado de unuopaj vortoj iĝas enuiga.

Sed troviĝas ĉe li ne nur mankoj. Allogas lia ĵongla uzo de lingvolatentoj, versoj senrimaj kaj ritmoj flue viglaj. Almenaŭ unu poemo, "ĉi-nokte", pruvas ke li povas verki ankaŭ kun simpla potenco:

*ĉi-nokte mi volas enspiri*
*nur friskojn ŝvebajn*
*ĉi-nokte mi volas aŭskulti*
*nur mutojn ĉirpajn*
*kaj vagadi laŭ ĉi padoj*
*sen ŝlosiloj kaj monujo . . .* (p. 53)

Espereble li forlasos la bizaraĵojn kaj kreos por ni pli da arto potenca; ĉar li ja havas la kapablon por tio.

Ankaŭ Georgo Kamaĉo malŝatas majusklojn frazkomencajn, kvankam liaj ortografiaĵoj estas afero pli akcesora. Vere trafas iuj liaj metaforoj, kiel "vespertoj subite anĝelaj" (p. 63), iafoje ligitaj al sona vortludemo:

*. . . mi sentas vin novao*
*el inta kaj inda firmamento . . .*
(p. 61)

Danĝero minacanta lin estas certa inklino al diskursiveco, ekzemple en "miraklo". Kontraste kun la prozo, sukcesa poezio ne povas prelegi. Siajn ideojn ĝi plej bone prezentas per ia artifiko aŭ sub masko.

Multloke plaĉas Liven Dek, poeto sen ortografiaj ekstremoj. Ankaŭ li forĵetas iujn tradiciaĵojn. Pli ol tio, tamen, gravas la fakto ke li kapablas



*"En la neproporciaj*
*galerioj*
*el via amo,*
*labirinto por mi*
*nedeĉifrebla,*
*mi iras*
*tute,*
*plene,*
*senespere perdita. . . ."*
*(Desegno de Candelas Durán)*

krei malfalsajn poemojn (fakte ne tiel abundajn niaronde kiel oni eble opinias). Interesa efikas ĉe li la paradokseco de la libero. Bedaŭrinde li ankaŭ mispafetas, verkante japaneskojn iufoje tro konvenciajn, kiel "Rundas la luno". Nu, neniu aŭtoras nur sukcese.

Ke Liven Dek kapablas elfari bonaĵojn demonstras interalie la jeno:

*En la neproporciaj*
*galerioj*
*el via amo,*
*labirinto por mi*
*nedeĉifrebla,*
*mi iras*
*tute,*
*plene,*
*senespere perdita.*
*La vojeblecoj trudiĝas*
*nombre senfinaj;*
*tamen,*
*en mia vagado,*
*ĉirkaŭironte angulon,*
*mi timas ĉiam*
*trovi min ekstere . . .*
*l i b e r e* (p. 79)

Ni rimarkas en tio la ĝeneralan senrimecon, al kiu tamen forte kontrastas la lasta vortduopo finrima; ankaŭ la konvencian skribmanieron, kun la sola escepto de l i b e r e, sen fina punkto. Per tio la titolo de la libro, kaj ĉio kion ĝi reprezentas, akiras nuancon de sinironiigo – ĉu intenca?

Tre allogas pluraj pecoj de Miguel Fernández, kelkrilate kunligantaj novaĵojn kun elementoj pli tradiciaj (ekzemple kelkloka rimriĉo). Frapaj, iufoje pro simpleco surprizaj, estas multaj liaj metaforoj, kiel

*Mi diras "tuja", kaj subite ŝprucas*
*el miaj lipoj svarmo de kolomboj.*
(p. 103)

*. . . ĉe descendo*
*viaradiken tra obskuraj grotoj,*
*kie gnomar' palavras kaj petolas*
*apere kaj vanue . . . (p. 125)*

*. . . Drinku*
*ni kune, ĝis la luno dissolviĝos*
*en niaj glasoj. (p. 124)*

Ĉi lasta formas parton de la tre bona "Kasido pri la zenita amo", poemo plurparte citinda, kiu ankaŭ impresas ĉar ĝi malfalse kombinas erotikon kun emocio ne simple fizikbaza – kontraste kun multaj banalaj pornografiaĵoj nuntempe svarmantaj inter ni.

Sed ankoraŭ restas ĉe Fernández iuj makuloj. Sone ekzistas limoj al la akceptindo de la elizia *l'*, kiel en "mi l'" aŭ "kvazaŭ l'" kaj eĉ pli "l' ĝuon"! Pli grave: li devus memstarigi ĉiujn siajn poemojn, *ne* imitante Sadler per la aldono de postaj prozeroj. Kial vera poeto kiel Fernández miksas plumbon kun sia oro? Espereble li ankaŭ povos plivastigi sian gamon, por pritrakti aliajn temojn krom la ama.

La libro fermiĝas per Glosaro nekompleta, en kiu mankas esencaj vortoj kiel "sukuru" (p. 105), "rore" kaj "skvare" (p. 107), "brumo" (p. 129) kaj "remanenco" (p. 130).

En la nuna stadio plej ekscitas Liven Dek kaj Miguel Fernández, laŭ mi precipe ĉi lasta. Sed ĉiuj ĉi poetoj havas bonan potencialon grave kontribui al nia literaturo. Espereble ili persistos.

La bindo de la volumo estas iom malforta kaj la preso ne elstara. Tamen la ĉefaĵon konsistigas la kvalito literatura. Tial mi rekomendas *Ibere libere* al ĉiu serioza amanto de nia poezio. Ĝi estas elpaŝo grava.

Edwin de Kock (Sud-Afriko)

# *Loke*



**Albanio: Adopto konkretiĝas**

Albana E-Junularo, kiu havas jam ĉ. 300 membrojn, aranĝis tutnacian renkontiĝon en Durrës la 10-an de oktobro, kiun atentis lokaj aŭtoritatuloj kaj amas-informiloj.

La estraro de Albana E-Ligo dankas William Harmon, kiu, kadre de adopta helpprojekto de la usona e-istaro (vd. jan. 1993, p. 16), donacis vintran surtuton kaj sakon da libroj. (B. Mezini)

**Ĉinio: E-o kiel dua fremdlingvo**

Ĵus antaŭ la Kunsido de Sekretarioj de Provincaj Asocioj en Chengde (vd. okt., p. 166), samurbe okazis la 3-a Simpozio de Ĉina Societo de E-instruado en Superaj Lernejoj, kun 11 disertacioj pri la instrua metodiko de E-o kiel dua fremda lingvo. Oni disdonis la n-ron 2 de la societa organo *Esperanto en Superaj Lernejoj* (kun 10 prelegoj pri Lusin kaj E-o) kaj longe atenditan instruprogramon de E-o kiel dua lingvo en superaj lernejoj.

Inter la 1-a kaj 4-a de aŭg., 43 e-istoj ĉeestis en Dangdong la 3-an konferencon pri strategio de la ĉina movado. (*EPĈ*)

**Estonio: E-Instituto**

La lasta estrarkunveno de la landa E-Asocio akceptis la proponon restarigi la E-Instituton de Estonio, kiu jam ekzistis inter 1925 kaj 1940, dum la sendependeco de Estonio. La direktoro de EIE, Vjaĉeslav Hromov (P.k. 94, EE-3053 Keila), atendas ĝian ministerian registriĝon. (*Norvega E-isto*)

**Italio: Pri Eŭropa lingvo**

En la Roma "Espolingue" (lingva ekspozicio), la 23-an de okt., ronda tablo diskutis la demandon "Kiun lingvon por Eŭropo?". Alparolante la subtemon "Kiujn ŝancojn havas la Esperanta idealo?", Giorgio Pagano klarigis la motivojn elekti E-on.



"MELONO" 10-JARA

Ĉu la verda stelo aŭ la "rugbe-pilko"? Ĉu ambaŭ? Demando ankoraŭ tro ŝargita de emocioj en Esperantio. Ĉi-angule sufiĉu ke ni konstatas: pasis jam tuta deko da jaroj ekde kiam la jubilea simbolo de Hilmar Ilton S. Ferreira unuafoje aperis sur la paĝoj de *Esperanto* (jan. 1984, p. 1).

Unuafoje okazis debato ĉe maldekstraj partioj de Italio pri "La eŭropa lingva problemo": ĝin organizis, la 22-an de oktobro, la Padovaj federacioj de Demokratia Maldekstra Partio (PDS) kaj Komunisma Refondo (RC), la du posteuloj de la Itala Komunista Partio. Sub la prezido de Dino Gregnanin (RC) kaj Piero Ruzzante (PDS), debatis Giovanni De Martino, docento pri la angla, kaj Alberto Menabene, sekretario de Verdula E-Asocio.

Michele Straniero (itala delegito en la Mondkongreso de PEN) kaj Giorgio Silfer enkondukis, Marco Picasso (prezidanto de Itala Interlingvistika Centro) gvidis publikan debaton pri la libro "La serĉado pri perfekta lingvo" de Umberto Eco (vd. okt., p. 181), aranĝitan de IIC la 14-an de novembro en Cernusco sul Naviglio.

**Madagaskaro: Kuraĝigu kurson**

Universala Kultura Servo (Lgt. 387, Analamahitsy, MG. 101 Antananarivo) organizas sub la gvido de Roger Rasolofo kaj kontrolo de Eugéne Raveloson rektmetodan kurson por 60 gestudentoj de komerca kaj teknika altlernejo. Por kuraĝigi ilin, UKS petas sendi leterojn al: EPCT, Esperanto-kurso, Lot. II.N. 54 bis, Analamahitsy, MG. 101 Antananarivo, kaj rekomendas ke eksterlandaj e-istoj planu feriojn en la lando.

**Rumanio: E-lingva meso**

Irene Szűcs, kies lernintojn montris foto en oktobro (p. 177), komencis aŭtune novan kurson ĉe katolika mezlernejo en Oradea. Somere ŝi instruis E-on al pastro Johano Mahaiduda kaj kantoro Andreo Lukács, kiuj celebris, post la malfermo de la kurso, E-lingvan meson en la romkatolika baziliko de la urbo. (V. Manea, I. Budaházy)

**Slovakio: Financa sanigo**

Por plibonigi la ekonomian situacion de Slovakia E-Asocio, ĝia Asocia Konsilantaro decidis i.a. "likvidi la loĝigan servon" de la E-Centro en Poprad kaj redukti ĝian dungitaron, kaj duonigi la amplekson de la SEA-organo *Esperantisto Slovaka* por 1994. Aliflanke, SEA baldaŭ malfermos oficejon en la ĉefurbo: Račianska 80, SX-83102 Bratislava. (*E-isto Slovaka*)



**Katalunio: La festo daŭras**

60 e-istoj el 12 landoj ĉeestis la 1-an Internacian Kulturan kaj Turisman Semajnon en la kataluna St. Cugat del Vallès (9-16 okt). La organizintoj de la UK-antaŭkongreso festis en Barcelono la sukcesojn de 1993: jen ĉi-supre la Valencia LKK-estro Augusto Casquero ektranĉas porokazan torton.

Kadre de la 26-a Kataluna Kongreso de E-o (4-7 dec., Alcúdia, Majorko), kiun partoprenis kvindeko da e-istoj, oni publikigis la rezultojn de la 33-aj Internaciaj Floraj Ludoj: el la alsenditaj verkoj, entute 6 poemoj kaj 3 prozaĵoj (!), la poemoj "Patrino" kaj "Oksfordo" de Georgo Kamaĉo (Hispanio) meritis la premiojn Eglanterio, resp. Violo, dum István Ertl (Nederlando) ricevis Amarilidon pro sia novelo "Arnim". Unuafoje ĉi-jare, la ĉefpremion Natura Floro devus akompani monpremio (300 gld.), sed ĝi ne estis aljuĝita.

## Fake

**Filmo: Meksika propono**

La entrepreno Prodisa (Arrayanes #13, Lomas de San Mateo, Naucalpan de Juárez, Edo. de Mex. C.P. 53200, Meksiko; faks. +52/5/560-9347) planas produkti dokumentajn filmojn pri kutimoj kaj tradicioj de diversaj popoloj, pere de *interŝanĝo* de vidbendaj materialoj. (E. Nájera)

**Geologio: Dudich prelegos**

Kadre de plurnivela staĝo de Orientfranca E-Federacio la 12-an kaj 13-an de marto en Hettange-Grande (apud Thionville), pri "Geologio kaj ekologio" prelegos Endre Dudich, aŭtoro de la vulgariga geologia enkonduko *Ĉu vi konas la teron?*. Informas C. Gallego, tel. +33/82-53-05-51. (E. Ludwig)

**Homaranismo: Adresaro**

Info-Servo (Bismarckstr. 28, DE-35037 Marburg, Germanio) preparas Tutmondan Homaranisman Adresaron por ebligi kontakton inter ĉiuj interesiĝantoj pri homaranismo.

**Infandesegnoj: Konkurso**

Madeleine Gibez (Les 3 Ages, FR-84400 Gargas, Francio) atendas ĝis pasko 1994 infan-desegnojn pri la temo "Protektado de la vivmedio por la venontaj generacioj" por konkurso kun premioj.

**Instruado: Zagreba metodo**

Triesta E-Klubo aranĝos internacian seminarion pri instruado laŭ la Zagreba metodo, kun la gvido de Spomenka Štimec, de la 25-a ĝis la 27-a de februaro. Kontaktu: Mauro Tauzzi, Str. Rozzol 47, IT-34139 Trieste, Italio (tel. +39/40/946-847).

**Interlingvistiko: Depeŝoj**

En la Mondkongreso de Aplikata Lingvistiko (8-13 aŭg., Amsterdamo), Alicja Sakaguchi prelegis en la sekcio "Lingvoplanado" pri "La koncepto de kompetenteco en Esperanto". • Kadre de la 24-a Konferenco de la Germana Societo pri Aplikata Lingvistiko (23-25 sept., Lepsiko) d-rino Sabine Fiedler (Univ. Lepsiko) komparis fakajn tekstojn en la angla, germana kaj E-o. Detlev Blanke parolis




pri "Faka komunikado en planlingvoj". • Societo pri Interlingvistiko elektis novan estraron en sia 3-a jarĉefkunveno (15-17 okt., Berlino): re-prezidantiĝis D. Blanke, vicprezidantiĝis Ronald Lötzsch. Dek prelegoj traktis la kadran temon "Lingvistiko kaj interlingvistiko". • En konferenco pri aktualaj lingvaj problemoj en Eŭropo (21-23 okt., Berlino) Blanke prelegis pri "Sociolingvistikaj aspektoj de Esperanto". • La unua vicprezidanto de Germana E-Asocio, R. Lötzsch, nomumiĝis katedra profesoro pri sorabistiko kaj direktoro de la sorabistika instituto de Univ. Lepsiko. • Ĉe la Torina Universitato diplomiĝis ĉi-jare Chiara Casali (Vicolo Esperia 10, IT-28058 Suna Verbania-NO) per sia disertacio "La propedeŭtika valoro de E-o por la lernado de la franca lingvo".

### Junularo: JAAK, BAJK, OKEJ . . .

"Progresas la ideo de ĉelara strukturigo de la eŭropaj junularaj asocioj" – raportas Klaus Dahmann, estrarano de TEJO. La ĉi-supraj strangaj sigloj kodas ĝuste tiujn "ĉelarojn", kunlaborajn forumojn de e-istaj junuloj el diversaj landgrupoj. Nome, la iniciato pri Mezeŭropaj Junularaj Konferencoj montriĝis tiel sukcesa (la 3-a MEJK okazis en La Chaux-de-Fonds meze de oktobro, kun 18 partoprenantoj el deko da landoj) ke oni nun planas similajn regionajn konferencojn por printempo 1994: la Junulara Alp-Adria (JAAK) kunvenos en Slovenio, la Balkana Junulara (BAJK) en Sofio kaj la Okcidenta Konferenco de E-Junularo (OKEJ) en Antverpeno.

### Komputiloj: E-literaroj

*Eventoj* (P.k. 87, HU-1675 Budapest, Hungario) havigas kontraŭ 10 gld. (al UEA-konto "ells-s") disketon kun 4 bazaj E-literaroj uzeblaj ĉe IBM-kongruaj komputiloj (kun Windows 3.1).

### Muziko: Ĥoru kun Helle

Ĥorestrino kaj flut-instruisto, prezidanto de E-ista Junulara Dana Organizo, Helle E. Jacobsen gvidos la 5-an Esperanto-Ĥor-Staĝon en la sud-franca La Frechède de la 27-a de feb. ĝis la 6-a de marto. Informas Jorgos (FR-09120, St. Félix).

### Scienco: Al ĉin-litova kunlaboro

Responde al vizito de Alfredas Maruškas al Ĉinio, E-Asocio sub Ĉina Akademio de Sciencoj sendis en julio trimembran grupon, i.a. sian vicprezidanton Shen Chenru, al Litovio. Renkontoj kun vicministro pri industrio kaj komerco Anicetas Ignotas kaj kun sanitar-ministro Jurgis Bredikis aŭguras pluan kunlaboron. (*Tutmondaj Sciencoj kaj Teknikoj*)

### Ŝakoj: Rusa mondĉampiono

En aŭgusto E-a Ŝakligo Internacia (EŜLI) okazigis sian 1-an Mondĉampionadon en Tulcea (Rumanio). El 18 konkursantoj la titolon de e-ista mondĉampiono akiris la rusa Aleksandr Podimov. (*Esperanta Ŝako*)

### Tekniko: Verdstela vidparolilo

Sub la gvido de UEA-ano Dai Liming, kiu direktoras la ĉinan entreprenon Huasheng (Huasheng Gongyecun, Wanzai, CN-519030 Zhuhai, Guangdong; faks. +86/756/822-421), estis ellaborita la vid-telefona marko Hopestar, kies emblemo estas verda stelo. (*EPĈ*)

La germana firmao Verdichter-Service Gmbh (Zschopauer Str. 63, DE-09111 Chemnitz), kiu produktas ĉiuspecajn kribrilojn kaj filtrilojn (por aŭtoj, maŝinoj, kuireja uzo ktp.), eldonis dulingvan koloran varprospekton en la germana kaj Esperanto.

Dum simpozio pri elektroniko en Pula (Kroatio, 25-27 okt.) Ivo Borovečki prelegis pri "E-o en scienco, tekniko kaj kulturo", kaj Davor Duževič instigis al apliko de E-o rilate unuecan normigon. Ĉi lasta prelego haveblas en E-o ĉe Internacia Kultura Servo, Amruševa 5, HR-41000 Zagreb. (I. Borovečki, S. Štimec)

### Turismo: Kampi eŭrope

Lars Böhmer (Dahlerdyk 81a, DE-47803 Krefeld, Germanio) planas starigon de "Eŭropa unuiĝo de Esperanto-kampademuloj". Kontaktu lin homoj el ĉiuj aĝogrupoj kun ĉiaj tendoj, karavanoj kaj ruldomoj, por komune ferii kampade dum ĉiu sezono en tuta Eŭropo.

## Anoncetoj

**Korespondi pri ĉiuj temoj** deziras s-ro An-Guo Muo, No. 73 Xijiu Lianzi Hutong Hepingmennei, CN-100031 Beijing, Ĉinio. Ankaŭ interŝanĝas p.m. kaj p.k.

Deziras kontakton kun gekolektantoj de **antikvaj (prem)gladiloroj kaj faldiloj** (por tekstilaj ŝtofoj) G.J. den Besten, Noorderstraat 4, NL-9635 TG Noordbroek, Nederlando.

Mi estas **membro de YMCA kaj volas korespondi** kun aliaj membroj kaj aktivuloj tutmonde pri agado ktp, kaj per Esperanto interŝanĝi ideojn. Michael J. Gunton, 62A Albert Road, Southsea, Hants., PO5 2SL Britio.

26-jara itala esperantisto, studento pri lingvoj, deziras korespondi en la **araba lingvo**. Bonvolu skribi klare (laŭeble en skribo "nashi") al: Fabrizio Pagliaroli, Contrada Barchi 20, IT-04019 Terracina, Italujo.

## Persone

### Carnap: Logikisto pri E-o

Ĵus aperis germanlingve la origine angla "intelekta aŭtobiografio" de Rudolf Carnap (1891-1970), "Mia vojo en la filozofion" (1963). La mondfama logikisto dediĉas apartan ĉapitron al "Lingvoplanado", el kiu ni ekscias pri liaj esperantistiĝo je 14-jara aĝo kaj partopreno en la UK-oj de Dresdeno (1908) kaj Helsinko (1922). Rakontante pri sia amikeco kun bulgara studento, li skribas: "Por ni tiu lingvo ne estis nur sistemo de reguloj, sed simple vivanta lingvo." (U. Matthias)

### Levin: Rotariano ĉe Unesko

Marc Levin, fakdelegito pri Rotario en Liono (Francio), honora ĉefredaktoro de la monata revuo de la francaj rotarianoj, *Le Rotarien*, nomumiĝis reprezentanto ĉe Unesko de Rotario Internacia, kiu akiris konsultajn rilatojn kun Unesko en junio.

